# ESPERANTO

**Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio**

Fondinto : H. Hodler.
Redaktoro : D-ro Edm. Privat.
Direktoro de UEA : Hans Jakob.

**Adreso : I, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svislando**

ENHAVO :

Esperantismo :



Literaturo :



Diversaĵoj :



**XXIX-a Jaro N° 399**
**NOVEMBRO 1933**

# Por egaleco

La amo al egaleco de rajtoj daŭras influi homajn klopodojn. Venkitaj nacioj postulas egalecon kun la venkintoj, malgrandaj popoloj sopiras al egaleco kun la pli grandaj. La senton pri justeco ĉiam ofendas malegalaĵoj truditaj de la pli forta al la malpli forta.

Ankaŭ sur la lingva kampo la natura tendenco al egaleco jam aperis diversforme. En regnoj plurlingvaj la interna paco nur ekregas kiam la diversaj nacilingvoj ricevas pli malpli egalan oficialecon.

En internacia vivo la iniciaton de D-ro Esperanto en 1887 kaŭzis la sento pri justeco preskaŭ tiom, kiom la praktika deziro je pli bona interkompreno.

Kiam la latina lingvo servis ankoraŭ interpopolajn rilatojn, egaleco regis pro ĝia neŭtraleco, kvankam eble nur horizontala egaleco, ne vertikala, ĉar nur eta parto de ĉiu popolo havis eblecon lerni ĝin.

Pli poste, kiam la franca lingvo fariĝis internacia, oni ja sentis la malegalecon, kiu donis tian avantaĝon al unu nacio super la ceteraj. Mankis al la franca lingvo la neŭtraleco de la latina. Sed almenaŭ ĝi estis *unu* kaj la fakto de ĝia kvazaŭa monopolo en intelektaj rilatoj parte kompensis la malegalecon.

Sed nun eĉ tiu avantaĝo ja mankas, ĉar oficialaj lingvoj en la interŝtataj institucioj estas pluraj kaj la neŭtralecon ja ne komprenas gajno je oportuneco, tute male.

Tial ekzistas neignorebla malkontenteco kaj ribelo kontraŭ malegala kaj maloportuna postmilita tradicio. Pluraj grandpotencoj ne plu konsentas resti kvazaŭ « duagradaj » laŭ lingva vidpunkto kaj la mezaj kaj malgrandaj landoj siaflanke ne plu akceptas la dividon de la mondo inter granduloj kaj malgranduloj.

Ke helpa lingvo kiel Esperanto renkontis tiel grandan sukceson inter tiuj popoloj, kiuj plej akre sentas la malegalecon, tio estas ja memkomprenebla. Se tiuj nacioj unuiĝas por plifortigi sian fronton, ili kredeble sukcesigas seriozan paŝon al egaleco kaj oportuneco.

Neŭtrala lingvo posedas ambaŭ ecojn. Ĝi kaŭzas nenian ĵaluzon, ĉar ĉiu devas ĝin lerni kaj povas egale brili en ĝi, kiel oni ja rimarkis de longe en universalaj Esperanto-kongresoj. Tie Finnoj, Hungaroj, Poloj aŭ Ĉinoj egalas aŭ preterpasas grandpotencanojn, ĉar mankas la lingva aristokratio, ĝenerale reganta aliajn internaciajn kunvenojn.

Ankaŭ oportuna ĝi sin montras, ĉar almenaŭ *unu* sola ĝi prezentas sin en uzado praktika. Pri konkurencoj aŭ reformoj al Esperanto estis ia publika intereso antaŭ deko da jaroj, sed nun oni jam ne plu aŭdas multe, ĉar fakte nur en Esperanto presiĝas prospektoj turismaj, katalogoj komercaj kaj tradukoj sciencaj aŭ literaturaj por la internacia publiko kaj ankaŭ nur en Esperanto okazas grandaj internaciaj kunvenoj aŭ someraj universitataj kursoj.

Ankaŭ tio estas memkomprenebla, ĉar oportuneco favoras la venkon de *unu* helplingvo, la plej vivanta kaj disvastigata. Antaŭvidebla estas, ke la granda kongreso okazonta en Stockholm en Aŭgusto proksima, aperigos seriozan koncentriĝon de malgrandaj nacioj por akceli paŝon egaligan en internacia komunikado.

Edmond Privat.

# Esperantismo

## La eduka valoro de Esperanto

En rilato al la granda bezono, ĉe modernaj vivkondiĉoj, por simpla tamen adekvata internacia helplingvo, facile lernebla en ĉiuj landoj, kaj libere uzebla parole kaj skribe en ĉiu fako de la vivo, ni deziras atentigi pri la meritoj de Esperanto kaj ĝia loko en edukado.

Esperanto nun estas elprovita de praktika uzado dum kvardek kvin jaroj. Ne malpli ol dudek kvin Internaciaj Kongresoj, kun meznombra ĉeesto de 1,000 personoj, de tridek ĝis kvardek nacioj, demonstris ĝian sukceson. En tiuj kunvenoj, kaj en la fakaj kunvenoj de specialistoj okazantaj en rilato kun ili, oni bezonas neniun interpretiston.

La lingvo estas nun grandskale kaj flue uzata por celoj de veturado, kultura interrilato, kaj persona amikeco. Krom tio, ĝi jam faris konsiderindajn servojn en medioj teknikaj kaj profesiaj. Ekzistas Esperantaj lektoratoj ĉe la Universitatoj de Liverpool, Ĝenevo, kaj Krakovo; originalaj verkoj en la lingvo estas verkitaj interalie de Prof. Baudoin pri Aŭtosugestio, de Prof. Bovet pri Psikoanalizo, kaj de Prof. Collinson pri Filologio. Aperis multe da verkoj sciencaj kaj teknikaj, aparte en Japanujo. Inter ili estas traktaĵoj pri temoj tre diversaj ekz. : la forto de materialoj, neorganika kaj organika kemio, kaj meteorologio. En la sama lando aperis farmacia vortaro en Esperanto, kaj en Eŭropo aperis aro da teknikaj vortaroj, inter kiuj vortaro de preskaŭ 4.000 medicinaj terminoj eldonita de la Tutmonda Esperanto Kuracista Asocio. Sole en 1931, oni disaŭdigis 1,204 paroladojn en aŭ pri Esperanto, kaj 514 lecionojn, de radio-stacioj en 21 landoj (inter ili Japanujo).

La internacia asocio de Esperantistaj instruistoj registris la nomojn de preskaŭ 7,000 instruistoj en sesdek landoj, kiuj posedas la lingvon, kaj de pli ol 1,000 lernejoj en tridek du landoj, en kiuj stariĝis Esperantaj kursoj. Inter ili estas unuagradaj kaj duagradaj lernejoj en Britujo. Estas interese noti, ke la Ministerio de Edukado en Anglujo kaj Kimrujo (Wales) dum multaj jaroj permesis lernejajn kaj vesperajn kursojn de Esperanto, kiam oni faris peton por ilia starigo.

Ni rekomendas la adopton de Esperanto kiel la unuan lingvon lernotan post la patra lingvo, en la lernejoj de ĉiuj landoj; ne nur pro ĝeneralaj motivoj, sed ankaŭ pro la jenaj specifaj kialoj :

(1) Praktika scio de Esperanto estas akirebla en tempo rimarkinde mallonga, kompare kun tiu bezonata por la naciaj lingvoj (en kiuj abundas malfacilaĵoj de gramatiko, idiotismo, kaj prononco); ĝia studo do estas profita eĉ por la lernantoj, kiuj havas nek tempon nek kapablon lerni ordinaran fremdan lingvon sufiĉe bone por povi ĝin uzi.

(2) Ĝi provas lingvan kapablecon, kaj helpas la instruiston pli rapide selekti la lernantojn, kiuj povas utile komenci la studon de aliaj lingvoj; kaj al tiuj lingvoj mem ĝi estas bonega enkondukilo.

(3) Ĝia logika gramatiko, kaj la fakto, ke ĝia metodo de esprimo estas klara kaj ne dubesenca, tendencas disvolvi ĝustecon ĉe la uzo de vortoj.

(4) La scio de Esperanto ne nur agas kiel stimulilo por la lernado de aliaj lingvoj, sed ankaŭ kondukas al pli efika studo de geografio, inkluzive de intereso gajnita pere de korespondado pri la vivo de aliaj landoj en ĉiu parto de la civilizita mondo.

(5) La Esperanto literaturo, kaj originala kaj traduka, konstante kreskas, kaj jam sufiĉas por pravigi studon de la lingvo por si mem.

Ni kore aliĝas al la klopodoj nun farataj por enkonduki Esperanton kiel oficialan temon de instruado, kaj por kuraĝigi ĝian uzadon en la lernejoj de la mondo.

T. Grahame Bailey, M.A., B.D., D.Litt.,
*Reader in Urdu and Hindustani, University of London.*

T. C. Baillie, M.A., D.Sc.,
*Principal, West Ham Municipal College.*

W, E. Collinson, M.A., Ph.D., *Professor of German, and Buchanan Lecturer in Esperanto, University of Liverpool.*

Chas. W. Cowen, M.A.,
*President, National Union of Teachers, 1929.*

C. B. Fawcett, B.Litt., D.Sc., *Professor of Economic and Regional Geography, University of London.*

J. J. Findlay, M. A., Ph.D., M.Ed.,
*Honorary Professor of Education University of Manchester.*

Alexandra Fisher, M.A., D.Litt.,
*Headmistress, Girls' County School, Bishop Auckland.*

J. C. Flugel, B.A., D.Sc., *Assistant Professor in the Dept. of Psychology, University College, London.*

S. Margery Fry, M.A., LL.D.,
*Late Principal of Somerville College, Oxford.*

G. P. Gooch, M.A., D.Litt.,
*Fellow of the British Academy.*

G. H. Green, M.A., Ph.D., *Lecturer in Education. University College of Wales, Aberystwyth.*

T. Gwynn Jones, M.A., *Professor of Welsh Literature, University College of Wales Aberystwyth.*

N. B. Jopson, M.A., *Reader in Comparative Slavonic Philology, King's College London.*

C. W. Kimmins, M.A., D.Sc.,
*Late Chief Inspector, Education Dept. L.C.C.* (1904-23).

John A. Peart, M.A.,
*Director of Education, City of Winchester.*

Emily Phipps, B.A., Barrister-at-Law,
*Late Headmistress, Municipal Secondary Girls' School, Swansea Late Editor of " The Woman Teacher ".*

W. Ramsden, D.M.,
*Fellow of Pembroke College, Oxford. Emeritus Professor of Bio-Chemistry, University of Liverpool.*

Nowell Smith, M.A.,
*Formerly Headmaster of Sherborne.*

G. A. Sutherland, M.A.,
*Principal of Dalton Hall, University of Manchester.*

J. R. R. Tolkien, M.A., *Rawlinson and Bosworth Professor of Anglo-Saxon, University of Oxford.*

# Foirismo kaj Esperanto

**La agado ĉe foiroj — Novaj vojoj — Sekurigo de atingita pozicio — Nova paŝo.**

Turismo kaj Foirismo estas la du gravaj kampoj de nia agado. Internacia Foiro ja povas utiligi internacian lingvon por tre variaj celoj. Estas unue la reklamo en la lingvo mem, estas la uzado de la servoj de la Delegitoj de UEA, kiel ĝin praktikis sukcese la Foiro de Lyon, kaj estas fine la uzado de Esperanto kiel kondukanta lingvo por nomoj de komercaĵoj (varoj). Al la ĝis nun praktikitaj metodoj de uzado venas nun nova, pri kio informas la jena artikolo, sendita de S-ro Caplliure. Estas vera koincido, ke la nova vojo por nia agado en tiu-ĉi kampo ekkomenciĝas en Valencio, kies foiro eldonis belegajn afiŝojn gigantajn kun teksto en Esperanto longe antaŭ aliaj foiroj tion faris.

---

Interesitaj rondoj de nia movado konstante okupas sin pri ĉi grava sfero por la aplikado de nia lingvo. Ili laboras unuavice por sekurigi la pozicion de nia afero, ĉar sen tio ĉiu atingita sukceso restos nur efemera demonstracio. Ni ne bezonas aparte memorigi la gravan laboron, faritan en la foira kampo de la Esperanto-Centro Itala en Milano en 1932, en kunlaboro kun la Internacia Centra Komitato, kiu donis pluan antaŭenpuŝon en tiu ĉi medio.

Intertempe la laboroj internaj daŭradis. Ankaŭ dum la transformo de nia organizo, la gvidinstitucioj de nia movado ne preterlasas ian okazon por agi kaj montras per tio, ke ili ne deziras ignori tiujn metodojn, kiuj pruviĝis plej taŭgaj.

En tiu ĉi jaro la Kongreso de la *Internacia Foira Unio* en Milano estis kunvokita al Hispanujo. La Unio por tio organizis karavanon de Marsejlo al la insulo Majorko kaj de tie tra tuta Hispanujo. La 22-24 Oktobro okazis la ĝenerala jarkunveno en Valencio.

En kunlaboro kun la I.C.K. kaj la Esperanto-Centro Itala en Milano la Grupo de Valencio faris ĉiujn utilajn paŝojn por refortigi nian situacion. Dank'al la energia kaj modela klopodo de Sinjoro Advokato Andrés Pino, delegito de UEA, la foira estraro de Valencio — jam uzante Esperanton por sia reklamo — promesis subteni novan iniciaton. La Itala Centro peradis rilate la detalojn inter la ICK kaj la sekretariejo de la Unio en Milano.

Laŭ invito de la grupo de Valencio, S-ro. Rob. Kreuz, Direktoro de ICK kaj estonta direktoro de la Fako por Eksteraj Aferoj de la plivastigita UEA, venis al Valencio por defendi novan iniciaton en la foira unio. Estante membro de speciala komisiono, formita interne de la Unio kaj cetere praktikisto en tiu ĉi sfero de post multaj jaroj, li sukcesis, ke la demando pri Esperanto kiel lingvo-kodo estu denove pritraktata en la kunsido de l'23 Oktobro, sub la prezido de la direktoro de l'Komerca Ministerio Hispana.

La ĝenerala sekretario de la Internacia Foira Unio, s-ro Komandoro Majnoni en sia jar-raporto faris sufiĉe longan aludon pri la laboroj jam faritaj en tiu ĉi kampo de la Unio. Li konstatis, ke la ĝenerala intereso de la foiroj ankoraŭ ne estas sufiĉe granda kaj pro tio minacas nuligi la valoron de pliaj praktikaj paŝoj. Dume la unuj faras ĉiun klopodon por enkonduki Esperanton tuj, la aliaj atendas ĝis ĝia ĝenerala disvastiĝo. Ni devas eviti tiun ĉi « circulus vitiosus » diris komandoro Majnoni kaj elekti alian metodon por sukcesi. Pro tio li proponis, ke en ĉiu lando unu sola foiro estu komisiata kiel eksperimenta centro por siaparte certigi la laboron kaj instigi al imito. La agado ne havas karakteron de pleja urĝeco, li diris, sed trovas la plenan kaj taŭgan zorgon de la direkcia komitato.

S-ro Rob. Kreuz, bazante sur tiuj ĉi konsideroj, per mallonga brila pledado en franca lingvo defendis la principojn, kiuj devigas la foirojn je eluzo de praktika ŝanco. Li finis sian paroladon per la jena parola demonstracio pri la kompreneblеco kaj facileco de Esperanto :

« *Sinjoroj, la sukceso de la grava laboro de via Unio estas ekskluzive garantiata per perfekta internacia interkompreno. Esperanto estas ekstreme utila instrumento por tio. Utiligu ĝin por la bono de via afero.* »

La parolado estis multe aplaŭdita kaj la ideoj ĝenerale rekonitaj per konsentaj alvokoj. Tamen laŭ postulo de la delegito de la foiro de Utreĥto (Nederlando) S-ro Mulder, la rezolucio, proponita de S-ro Kreuz estis submetita al eksplicita voĉdono. En repliko al la kontraŭstaro de S-ro Mulder, S-ro Kreuz elokvente atentigis pri la jam faritaj laboroj kaj la konsekvencoj de la antaŭaj decidoj.

Rezulte la kunsido adoptis kun 19 : 4 voĉoj (Utreĥto, Tripolio k.a.) la jenan dezir-esprimon, proponitan de S-ro Kreuz. Ĝi estis subtenita de la foiro de Valencio, en kies nomo parolis S-ro Perpiñá :

*Pro* la konsideroj, kiuj donis la bazon por la decidoj de Bordo, Milano-Romo kaj Parizo rilate Esperanton kiel lingvo-kodo por la praktika uzo de Esperanto en la foir-kampo ;
*Pro* la neceseco progresigi la jam faritajn provojn ;

*la kunveno*

*memorigas* pri la ĝenerala utileco de la elmetitaj ideoj,
*rekomendas* al la membroj de l'Internacia Foira Unio daŭrigi la klopodojn por realigo de la faritaj decidoj,
*rekomendas* al la foiroj enkonduki en la elementojn de Esperanto kelkajn el siaj oficistoj kaj
*petas* la Direkcian Komitaton, fari ĉiujn utilajn paŝojn — akorde kun la komisiono, formita por tio — por plena sukcesigo de la entrepreno.

La rezulto estis vigle aplaŭdita, ĉefe de ĉiuj francaj reprezentantoj. Ĉi-tiuj, memorante pri pli frua iniciato de S-ro André Baudet, eksprezidanto de la Komerca Ĉambro de Parizo, decidis sendi al ĉi tiu la jenan dank-telegramon *en Esperanto* kaj tuj kolektis subskribojn por tio :

« *UFI. - kongreso memorigas pri via brila demonstracio koncerne Esperanton kaj estas feliĉa pro okazo adresi al vi la esprimon de plej amikaj sentoj.* »

La nomitan kunsidon ĉeestis kiel reprezentanto de la forestanta urbestro, sinjoro Advokato Marzal, urba konsilanto kaj membro aktiva de la esperantista grupo de Valencio.

Al ĉiuj kunlaborintoj en tiu ĉi afero ni ŝuldas koran dankon kaj gratulon, precipe al S-ro Kreuz pro la sukcesa plenumo de sia tasko kaj al S-ro Advokato Piñó pro la praktika helpo de li certigita por la ĉeesto de S-ro Kreuz kiel eksperto en la kunveno. La gazetaro de Valencio per apartaj kaj parte longaj artikoloj raportis pri la afero. (M. Caplliure.)

---

Ni jam atentigis pri la konsekvencoj, kiujn rezultigas la konstanta intereso de la foiroj por Esperanto. La efiko ja povus esti senteble pli granda. Pro tio la nuna sukceso absolute deviĝas al celkonscia helpo. Ni devas labori sisteme, metode kaj sekurigi niajn sukcesojn. Alie ni agos vane kaj ĉiam refaros la saman laboron sen praktika rezulto. S-ro Kreuz, laŭ sia granda sperto, en sia kongresparolado en Kolonjo jam klarigis la fundamentajn principojn por tia sekurigo kaj ni devas deziri, ke ili estu aplikataj ĉie, notinda progreso estas registrata.

Pri la nova decido de la Foira Unio devas interesiĝi la naciaj asocioj kaj ĉiuj aktivuloj en la urboj, kie troviĝas foiro. Ni sugestas, ke la grupoj proponu al la foiroj instrui la oficistaron kontraŭ reduktita kurs-pago (ne senpage, ĉar por komercistoj, tio, kio ne kostas, ne havas valoron !), disponigi sian helpon kontraŭ modesta kompenso al la foir-estraroj, kiuj ankoraŭ tute ne disponas pri helpanto, iom konanta nian lingvon. Fine specialistoj kaj praktikistoj metu sin al la dispono de la foiroj por praktika kunlaboro kiel konsilanto por la peresperanta reklamo, prilaboro de esp. prospektoj, afiŝoj, presajoj ĉiuspecaj kaj fine por la korespondado al ĉiuj landoj. La sekreto de daŭra sukceso konsistas el tio, igi nin kaj nian lingvon necesaj helpantoj por la foiraj rondoj. Temas pri serioza klopodo, ne nur pri brua demonstracio. Ni apliku konsiderojn de realistoj kaj laboru en praktika senco, ĉar nur tio garantias la progreson de nia lingvo ĉie en la mondo. Dependos de ni mem, ĉu ni antaŭeniros aŭ ne. Ni agu konforme kaj antaŭeniru !

## 10-a Hispana Esperanto-Kongreso

Laŭ invito de la urba konsilantaro, la 10-a Kongreso de Hispana Esperanto-Asocio okazis en Santander de la 20-23 de Aŭgusto 1933.

Entuziasmiga estis la salutvespero ĉe Ateneo Popular, Sabaton la 19-an. Bele aranĝita Esperanto-ekspozicio. Solena malfermo Dimanĉon matene, en la festsalonego de la Specimena Foiro. Ĉeestis 400 personoj. La prezidanto, S-ro Mangada transdonis la parolon al la reprezentanto de la provincestro kaj urbestro, samideano S-ro Jerónimo Campano, urbkonsilanto. Bela salutparolado kun deklaro de malfermo, nome de la Registaro. La kongreso estis sub la honora prezido de la Prezidanto de la Respubliko, de la Ministro-prezidanto kaj de la Ministro de Klerigado. La Socialista ĥoro « Pablo Iglesias » kantis la himnon « Preĝo sub la Verda Standardo ».

La eksterlandanoj, polo, germano, belgino kaj francino salutparolis. Salutis la grupoj de Bilbao, Baracaldo, Santander kaj Ateneo Popular de Monte. Sekvis elokventa parolado de S-ro Mangada, rimarkigante la altajn kvalitojn de Esperanto.

Post mallongaj vortoj de S-ro Campano, dezirante bonan sukceson al la kongreso, la ĥoro kantis « La Esperon » (Tondra aplaŭdo). La ĉeestintoj procesie iris ĝis la nova strato « Doktoro Zamenhof », kie S-ro Campano en la nomo de la urbestro malkovris, kun kelkaj honorigaj vortoj, tre artan nomtabulon.

Lundon matene, Somera Universitato, situata en belega parko de duoninsuleto La Magdalena, ĉe la iama reĝa somerpalaco. Vespere, unua laborkunsido ĉe Ateneo Popular. Oni legis salutleron de la Rumana Esperanto-Societo kaj kelkajn telegramojn inter kiuj unu el francaj samideanoj okaze de kunveno en Cap Breton. La sekretario legis la raporton kaj post kelkaj konsideroj oni decidis lasi la aprobon por la sekvanta kunsido. Post esploro de la kalkuloj kaj informo de la kontrolintoj la kongreso aprobas ilin.

Je la 10,30 en kinejo Sala Narbon havis lokon antaŭ 900 personoj la grava kaj bela propaganda kaj koncerta festo. Prezidis la juna prezidanto de la Loka Kongreskomitato S-ro Carlos Ganzabal, Parlamentano kaj arkitekto S-ro Azorin, aŭtoro de « Terminologio de la Arkitekturo » en Esperanto kaj S-ro Julio Mangada, prezidanto de HEA elokvente kaj trafe parolis pri Esperanto. Varma aplaŭdo. La eksterordinara deklamisto el Barcelono, kongresano Francisco Vilá deklamis laŭ raviga ritmo kaj impresa basvoĉo « Mia penso » de Zamenhof, « La vundita ĉasisto » de Angel Ganivet, « *Orientaĵo* » de Zorrilla, « Dialogo inter Babieko kaj Rocinanto » de Cervantès, kaj « La Vojo » Plie li deklamis la kortuŝan poemon hispanan « Un duro al año » de E. Blasco.

Mardon matene, oni vizitis la Muzeon kaj Akvarion de la Stacio de Mara Biologio, kie la kongresanoj admiris la vivantajn fiŝojn en montrofenestroj similantaj la marprofundon, kaj la Bibliotekon de la mondfama verkisto Menedez y Palayo.

Vespere, dua laborkunsido. Aprobo de la agado de la komitato. Oni diskutis pri diversaj aferoj rilate al la sinteno de HEA al aliaj enlandaj asocioj esperantistaj. Merkredon je la 9-a matene du aŭtobusoj forveturigis la kongresanojn al la kavernoj de Altamira. La Direktoro de la Prahistoria Muzeo de Santander, S-ro Carballo parolis pri la vivo de la prahomo kaj ties pentroarto. Oni rigardadis la mirigantajn figurojn kiujn la prahomo pentris sur la plafono de la « Sikstina kapelo de la prahistoria arto ». Post vizitado de la antikva urbeto Santillana del Mar kun la kanonika preĝejo de la XIII-a jarcento, oni rapidis al San Vicente de la Barquera. Bankedo ĉe Restoracio Dolores. Ferma kunsido disvolviĝis ĝoje kaj vigle. S-ro Mangada esprimis la dankon al la Loka Kongreskomitato pro bona organizo. Aplaŭdo. Oni decidis sendi telegramon al la Prezidanto de la Respubliko, al la ĉefministro kaj al la Ministro de Publika Instruado pro la honoro farita al la kongreso; al la Provinca Deputitaro de Vizcaya, kiu subvenciis kurson por instruistoj, same al la Ministerio de P.I. Ankaŭ oni aprobis nomi la eksiĝintan sekretarion de HEA, S-ron Mojado, honora sekretario de la Asocio, pro lia longa kaj sindona laborado. (Ĉeestinto.)

# Literaturo

## Teknokratio

De D-ro J. Gottlieb, Praha.

Kion precize signifas la vorto « teknokratio », ne scias ankoraŭ eĉ la homoj, kiuj tiun ĉi vorton kreis. Antaŭ iliaj okuloj briletas nebula vizio, unu el la multaj utopioj, je kiaj la nuntempo estas riĉa. Sed kion oni per ĝi intencas kaj kiel oni ĝin imagas, povas neniu diri. Ni nur scias, ke la tuta parolado pri la teknokratio devenas de la rolo, kiun la tekniko, la maŝino ludas nun en nia tempo.

Nia epoko havas ĝenerale fortan inklinon transformadi la mizeron en virton, fari el malfeliĉo principon, fundamenton. Ĉu la industriigo de nia ekonomia vivo estis feliĉo aŭ malfeliĉo — tio ne estas ankoraŭ decidita. Sed intertempe la industrio fariĝis idolo. Kaj oni povas diri, ke ni travivis epokon de « industriokratio ». Ĉu la rolo de kapitalismo estis vere savo por la homoj, tio staras ankoraŭ sub demandsigno. Sed saĝuloj estis troviĝintaj, kiuj starigis teorion de kapitalregado, de « kapitalokratio ». Kaj por neniu ja estas pridubebla, ke la proletiĝo de la amasoj estis malfeliĉo, katastrofo. Kaj tamen troviĝis homoj, kiuj vidis en tio la veran savon de la homaro. Kaj oni tuj faris eksperimenton de « proletarokratio », pri kiu ĝis nun neniu povas diri, ĉu tio estas la eliro, la rimedo kontraŭ ĉiu mizero.

La samo okazis kun la teknokratio. La homoj plendas, ke la maŝino faris ilin malfeliĉaj, metis ilin en ekonomian ĥaoson. Do estas denove troviĝintaj kompetentuloj, volantaj ankaŭ el tiu malfeliĉo konstrui la fundamenton de l'vivo. Vi suferas kaj ĝemas sub la jugo de la tekniko ? Do ni suprenlevigu la teknikon al kompleta regado, do ni enkonduku reĝimon de teknokratio, do ni proklamu la teknikistojn esti niaj diktatoroj. La malespero kaj la malekvilibro estas tiel granda, ke ĉie, kie la homoj elsentas iom da ekstera certeco, iom da despotismo, ili estas nun tuj pretaj genuiĝi, almozpeti pri kompato, ke oni estru ilin. Grandajn, fumantajn kamentubojn ili vidis, — ili preĝis antaŭ la kamentuboj. Ŝtalajn monŝrankojn en la bankoj ili vidis, — ili kliniĝis antaŭ la trezorujoj. Ili ekvidis, ke la ŝtale malmola maŝino estas senkompata, preskaŭ kruela — oni estas preta diigi la maŝinon kaj el ĝiaj servistoj fari pastrojn kaj profetojn.

Nenio estas nuntempe tiel kripligita, kiel la ideo de « regado ». Jam preskaŭ afero de du jarcentoj, post kiam la plej bonaj intelektoj de la homaro klarigas al ni, ke la socio devas esti gvidata, administrata, estrata, sed ne regata. La diferenco estas tute klara. La kapoj de la socio devas posedi forton por bridteni la homojn per siaj aŭtoritato, morala nivelo, retorika talento, saĝo, faka eduko kaj fine per sia laborkapablo. Veraj gvidantoj ne bezonas regi. Kaj la vera gvido povas tre facile trovi rekonon kaj obeon, kiam kontraŭe la regado devas spekulacii je timo kaj servuto. La malfeliĉo kaj la mizero de nia tempo venas de tio, ke batalas inter si la diversaj pretendantoj je regado. Se ni havus nur la konkuron de la regad-kandidatoj — la vivo estus pli facila.

Ĉiu gvidado postulas oferojn de la gvidato. Sed tiujn ĉi oferojn oni donas kun bona volo, eĉ kun certa entuziasmo. Sed la oferojn, kiujn postulas la regado, estas donataj kun dentkunpremo kaj dentogrinco, ofte kun larmoj en la okuloj. Sed post ĉiuj revolucioj, kiuj provadis detrui la potencon de la regantoj, la homoj ne estas lernintaj vidi ĝuste la diferencon inter la gvidado kaj regado. Kaj eble tio venas de tio, ke oni estas egoismaj, avaraj, bagatelemaj ; oni malhavas la kuraĝon doni libervole al la gvidado tion, kion ĝi postulas — do oni donas al la regado ne libervole tion, kion ĝi prenas mem...

La diskutado pri la teknokratio havos neniajn realajn sekvojn. Ĝi ja estas karakteriza por nia tempo. La vere interesigita parto, la unusole pravigita pretendanto je la regado, la demokratio, ne enpensiĝas kaj ne meditas pri tio, kiel ĝi devas esti regata. La demokratio rezignis je siaj prerogativoj, je siaj rajtoj. Pri potenco kaj regado pensas kaj fantazias nur tiuj, al kiuj ne sufiĉas la kvanteto de ĝuo, kiun la vivo simple donas, sed ili devas ankaŭ kontentigi sian regadpasion. Kaj tiuj-ĉi voluptuloj de regado elpensas, aŭ pli ĝuste, alpensas la ĉiaspecajn sistemojn, la diversajn « kratiojn », iam kun pli granda sukceso, iam kun pli malgranda. Tiuj-ĉi homoj apartenas al la sama raso, kiu akiris la potencon en la tempoj de feŭdalismo, kiu regadis en la tempoj de kapitalismo kaj kiu ankaŭ diktas sian volon en la proleta diktatoreco. Ili ĉiuj havis malsaman bonfeliĉon. Plej malĝoje finis la regadkandidatoj de la liberalismo. Sed la voluptan deziron ili havis la saman. Kaj la saman voluptan deziron havas en si la kreintoj de la teknokratia teorio, kvankam videblaj jam estas ĉiaj signoj, ke tiuj malfeliĉuloj ne faros karieron.

Ĉar unu kardinalan eraron faras la profetoj de la teknokratio. Ili vidas, ke ĉiuj regantoj bezonas la helpon de la « spec'oj », specialistoj, kaj ili sugestias sin mem, ke ili kiel « specoj » estas la ĉefaĵo. Ili opinias sin la filozofoj, pri kiuj Platono skribis, ke ili estas la sole kompetentaj regi ŝtaton. Sed la opinio de Platono restas skribita en libro. Per « specialeco », specialismo, talento kaj per la saĝo oni ankoraŭ ne venas al potenco.

Ĉar la homoj ne estas ankoraŭ tiel saĝaj, por lasi sin gvidi de saĝuloj, kaj la homoj ne estas ankoraŭ tiel fortaj, por sin povi liberigi el la regado de fortuloj...

Trad. O. Ginz.

---

## Agrabla vespero

De J. T. Kaptein

*Eĉ bonhumoraj homoj povas esti ĝenigaj por la ĉeestantoj, kiel tion montras la ĉi suba rakonto.*

Vere, ŝi ne estas malagrabla persono, onklino Heleno ; nur ŝi estas tre timema ĝeni aliajn. Fidele ŝi venas ĉiusemajne kaj tiam ŝi povas esti tiel agrabla, ke oni havus emon demandi « venu plifoje ». Se estas okazo, multe paroli, ŝi ne postrestas kaj ankaŭ ŝi precize scias, kiam ŝi devas silenti.

Dum kelkaj semajnoj ŝi hazarde vizitas nin, kiam niaj geamikoj familio Olets estis ĉe ni por agrable ludi « briĝo ».

Kelkfoje la Olets petis min telefone, ĉu ili hodiaŭvespere estas bonvenaj kaj kiam mi jesis tion, mi forgesis pensi pri la vizito de onklino Heleno.

Tuj kiam ŝi estis enirinta, ŝi rimarkis la familion Olets kaj tuj informis « ĉu oni intencas kartludi » ?

Bone, ŝi diris, faru tion, bone, sed lasu min en oportuna anguleto. Jes onklino, mi diris, estas vero, ke ni intencas kartludi sed... « Ne, tute ne » ŝi kore interrompis « vi trankvile kartludu kaj mi faras tion, kion mi volas ». Onklino, ĉu vi kredeble deziras kun-ludi, demandis mia edzino ĝentilplene. « Ne kara infano, mi ne pensas al tio, ĉar tamen mi ne tiel volonte faras tion. Mi pli preferas vidi al ĝi ».

Faru laŭdezire ! respondis mia edzino.

Kion ajn mi diris, onklino ne estis moligebla kaj tial ni decidis komenci la ludon.

Kvankam mi ne ŝatas meti mian onklinon en angulo senbrua kiel malvirta infano mi fakte ne povis daŭre mediti pri la ludo kaj kompreneble perdiĝis. Finfine mi proponis intertempe ke ŝi aŭskultu al radiomuziko.

Bone, ŝi respondis, sed restu ludanta, ĉar mi mem funkciigos la ricevilon kaj prenos la kaptelefonon. Kredu, mi mem povas fari tion. Post iom da tempo ŝi diris, «kiel bela, belega muziko estas elsendata » do, ni ĉiuj estis kontentaj kaj ludis agrable dum tri aŭ kvar minutoj.

Ĵus, kiam mi laŭvice pensanta, aldoni ankoraŭ unu « kero'n », mia onklino laŭte interrompis per « vere eksterordinare interesa tio estas k.t.p. ».

Ni ĉiuj meditantaj pri la impona ludo, aŭdiĝis: «tre lerniga alparolado. Kiel bona paroladanto kaj kiel belan voĉon li havas !» Ŝi nin rigardas dirante «mi bonege-amuzas kaj vi ne bezonas pensi pri mi, mi ĝojas, bonege !!! »

Denove ni daŭrigis la ludadon sed post apenaŭ tri minutoj, ĵus kiam S-ro Olets dolorigis la cerbojn, ĉu li duobligus la proponon, onklino elvokis : « Kiel agrabla ! Tio estas verdire belega ! ».

He, kion vi diras, demandis S-ro Olets, kiu pensas ke mi tion estus dirinta pri la ludo. Ho, ve, pardonon mi petas, estas io alia ! La pripensado estis daŭrigata ĝis kiam onklino ankoraŭfoje laŭte elvokis : « Tiel agrablan himneton mi neniam aŭdis dum mia tuta vivo » !

Ni iom mokis pri ŝiaj interrompoj kaj restis kvazaŭ ludantaj, dum onklino murmuris kaj ripetis : bela, belega, k.t.p.

Ni daŭrigu, mia edzino diris. Tiam S-ro Olets faris eraron en la ludo pri kio li dum tagoj eĉ ne bone povis manĝi.

Jen, esprimo de onklino sekvis « mi tre ŝatas la Jazmuzikon kaj jen tiel bela kaj bonega tamburisto ». Post tia travivaĵo, mi, angulvidanta, rekomencis la ludon por ne tro ĝeni niajn gastojn, ĝis kiam onklino pli laŭte sciigis: «Estas vere eksterordinara programo ! ».

Post tio la gastoj metis la kartojn sur la tablon, dum onklino oportune kuŝis en brakseĝo kaj regule ripetis, « estis bela, interesa kaj agrabla vespero por mi ».

Formetinte la kartojn, ni iris sidi apud onklino por ke ni ankaŭ povu ĝui la elsendaĵon.

Onklino deprenis la kaptelefonon, dirante : « Via ludado ne daŭris longe, ĉu ne ? Mi esperas ne esti kulpa al tio ».

Ho, ne ! tute ne onklino, mi respondis, sed ni ankoraŭ deziras aŭdi la belan muzikelsendon.

Kiam mi enigis la kontaktigilon de la laŭtparolilo, nenio estis aŭdata.

Kara Dio ! La baterio ankoraŭ troviĝas ĉe la elektristo por ĝin plenigi.

Ho, kara knabo ! diris onklino, tion mi tuj estis komprenanta ĉe la komenco, sed mi ne volis ĝeni vin dum la kartludo kaj faris ĝuste kvazaŭ mi aŭskultis je belega programo, ĉar mi bone scias ke estas tre malagrabla kaj enuiga, se oni dum kartludo estas ĝenita kaj samtempe mi esperas ke vi pri mia silenteco estos kontenta..., ĉiuj kapjesis... silente !...

---

## La Ĉevaloj kaj la muziko

Humoraĵo de F. MOLNAR.

Apud la opero staras en glacia malvarmo la kaleŝoj. En la opero oni ludas « Tristano kaj Izoldo ». Du ĉevaloj kunmetas siajn kapojn kaj ekbabilas.

La unua ĉevalo : « Ĉu estas permesate ? »

La dua ĉevalo : « Ordonu, sinjorina moŝto ! »

La unua ĉevalo : « Diru al mi, *kio* estas *muziko* ? »

La dua ĉevalo : « *Muziko hm* ! »

La unua ĉevalo : « Mi opinias, ke ĝi devas esti *io* tre bona. La *muziko* devas esti pli bona ol la aveno. Ŝajnas al mi, ke ĝi similas al sukero ».

La dua ĉevalo : « Mi ne kredas tion. Mi supozas, ke la *muziko* estas *ia tiklo, ia piko, ia agrabla lacigo* ».

La unua ĉevalo : « Ho ! »

La dua ĉevalo : « Jes, sinjorina moŝto... *tia* estas la *muziko*. Sed ĝi estas nur por la homoj. Krom tio regas pri la *muziko* diversaj opinioj. Parenco de mi, kiu deĵoras ĉe militistarorkestro, diris, ke *muziko* estas *tio*, se oni estas enjungita antaŭ veturilo, sur la veturilo troviĝas kaldrono, kaj tiun oni batas de malantaŭe. Apud ĝi iras soldatoj, kiuj suĉas je grandaj latuntuboj. Mia parenco diris, ke li volonte estus vidinta de proksimeco, *kio* do estas *muziko*, ke ĉiam estis tiel granda bruo, ke li ne povis esti atentema ».

La unua ĉevalo : « Tre interese... ».

La dua ĉevalo : « Sed ekzistas ankoraŭ alia opinio. Unu de miaj amikoj ricevis en popolteatro rolon, en kiu la ĉefaktorino altĉevale devis veni sur la scenejon. Kaj mia amiko diris, ke *muziko* estas *tio*, se virino iras antaŭen, per la piedo puŝas en la aeron, poste dekstren kaj maldekstren saltas. Sed tamen estis tiam ankaŭ bruo ».

La unua ĉevalo : « *La homoj faras ĉiam bruon* ».

La dua ĉevalo : « Kaj la *muziko* estas ankaŭ *tio*, se soldato mortas kaj oni forportas lin al tombejo ».

La unua ĉevalo : « Ĉu vere ? »

La dua ĉevalo : « Jes kaj la *muziko* estas ankaŭ *tio*, se en cirko oni devas genui ».

. . . . . . (la tempo pasas, jam estas la naŭa).

La unua ĉevalo : « Kaj niaj sinjorinoj venis nur *pro* la *muziko*. Ili estas jam de la sepa horo ĉi-tie ».

. . . . . . (malgranda paŭzo).

La dua ĉevalo : « Strange, *kiom* da specoj de la *muziko* ekzistas kaj kiel *lacigaj* ili ĉiuj estas. Mi ne komprenas, *kian* plezuron havas la homoj, aŭdantaj muzikon. Rigardu, mi pro laceco apenaŭ tenas min sur la piedoj, mi staras en neĝo, glacio, vento kaj pluvo ! »

La unua ĉevalo : Kaj se mi pripensas, ke *tio* ankaŭ nomiĝas muziko.

(Trad. Minuŝka Mantlowna.)

# Tra la libraro

**Scienco — Lernolibroj — Vortaroj — Movado.**

*Kontraŭ la regantaj perceptoj pri krimo kaj puno* (mi dirus : « konceptoj ») estas studo pri deveno de l'krimoj, rajto kaj efiko de l'punoj, precipe pri influo de malliberejo ; la aŭtorino opinias, ke nunaj reformoj ne sufiĉas, sed ke per amo kaj kompreno oni povus atingi, ke krimemo malaperos kaj almenaŭ ke kulpuloj estos traktataj kiel hodiaŭ oni flegas frenezulojn.

El Japanujo ni jam ricevis sciencajn traktaĵojn esperante redaktitajn ; jen unu nova tia, kun tabeloj kaj bildoj, kun titolo : *Pri praveco de uzo de fluida parafino por esplori spiradon de akvaj bestoj* en kiu, laŭ ĥemiaj kaj fizikaj detalaj provoj, la aŭtoro konkludas malprava la uzitan rimedon, ĉar tra tavolo da fluida parafino, oksigeno tamen solviĝas en la akvon, kaj do ŝanĝas la medion de l'observataj animaloj.

La broŝureto : *De viandomanĝado al senvenena dolĉ-frukta dieto* montras kiel ,post sepjaraj ŝtupoj, homo povas nutri sin ekskluzive per frukta krudmanĝaĵo, ĉar manĝi fruktojn eĉ kun semojn, « ne ofendas la volon de la arbo ». Kia longa listo da manĝaĵoj vice forlasotaj ! Plie, ni manĝu ekstere ; por tio : « ni povas kuŝiĝi surventre sur la floranta herbokovro aŭ la muskotapiŝo », kaj se neeble : « oni staru manĝanta, aŭ sidiĝu rajdomaniere sur arbobranĉo ». « Estas utile ripozi kvaronhoron kuŝante, bone etendite, kaj antaŭ ĝoje pensi pri la ĝuado de la ĉarmegaj fruktoj. Post ĉiu manĝo oni faras mallongan promenadon de kvaronhoro, post kiu oni dum duona horo bone etendite inter floroj kaj folioj kuŝas surventre sur la herbejo kaj nur pensas pri la digestado ». Kia paradizo kompare kun nia enurba, senĉese pelata, senhalta vivmodo.

Fine la bela libro *Pola folkloro kaj popolkanto*, de S. Grenkamp, jam estis priparolata en aprila numero de « Esperanto», kie unu bildo kaj unu kanto el ĝi estis represataj. Ĝi estas prelego el la Somera Universitato de la Edinburga kongreso en 1926 pri lando ne ankoraŭ tro laŭokcidente unuecigita, kie moroj, vestaĵoj, kantoj, festoj, kutimoj, vivkondiĉoj kaj eĉ superstiĉoj konservis popolan apartan karakteron. Arioj de l'kantoj, ok ekstertekstaj fotobildoj, ornamas tiun plaĉan kaj valoran eldonaĵon.

---

La *Gaja Lernolibro* de C. Walter ankaŭ jam estis detale priskribita en februara numero de ĉi tiu ĵurnalo. Ĝi estas nur esperanta kaj speciale aranĝita por meminstruiĝo ; ĝi uzas rektan metodon, celas distri kaj paroligi la lernanton, tial konsistas, sur unu kolono, el 128 amuzaj bildetoj kun demandoj kaj sur dua, el vortoj kaj respondoj. Gramatikaĵoj vice aperantaj estas resumataj en enkadrigitaj formuloj. La tuto lerte aranĝita fruktas el instrua spertado kaj ĝustigas la titolon de l'libro.

La dua eldono de *Ekzercilo por supera praktika kurso de Esperanto*, kun ĝia aldonaĵo : *Helpilo*, de A. Mazzolini, ankaŭ nur esperantlingva, havas formaton pli praktikan ol la unua, kaj estis zorge korektita kaj kompletigita post rimarkoj de eminentaj samideanoj. Interesaj konsiloj por instruantoj, multaj precizigoj valorigas tiun instruilon ; la aŭtoro prave insistas pri naciismoj, pri laŭformaj aŭ laŭsencaj konfuzeblaj vortoj. Ankaŭ la korektotaj ekzercoj estas tre taŭgaj. La « Helpilo » servas por malpli kleraj lernantoj kaj ankaŭ estas ŝlosilo de l'skribaj ekzercoj. El ambaŭ estus utile forigi kelkajn diskutojn pri instrumetodoj aŭ ne ankoraŭ solvitaj demandoj, kies loko ne estas en lernolibro.

La angla : *Step by step in Esperanto*, de M. C. Butler atingas sian kvaran eldonon ; kaj ĝi ne estas simpla represo de l'antaŭa ; la tuta enhavo estis ree prilaborita, reverkita. Ampleksa libro, kie diversaj litergrandoj signas la partojn sed kiu ne konsistas el lecionoj, ĉio sinsekvas numerigita ; reguloj, klarigoj, ekzercoj, ekzemploj, anekdotoj en ŝajna malordo, po unu paragrafo pri ĉiu aparta punkto ; bonega estas la tuta materialo, zorge elektita kaj tamen aranĝita laŭ instrua sperto kaj speciale atenta pri malfacilaĵoj renkontataj de anglalingvanoj. Ĝi preskaŭ pli konvenas kiel libro por instruantoj, aŭ kompendio por reserĉadoj ol por nova varbito, krom se tiu estas tre klera. Pli kompleta instruilo kaj ekzercilo estas preskaŭ nepensebla.

En la *Lerno kaj Legolibro kun Vortklarigoj*, por serbo-kroata lingvo de Franjo Novljan estas tri partoj. La unua konsistas el 28 lecionoj kun konversaciaj tekstoj, kaj gramatikaj dialogoj ; la dua el legaĵoj, anekdotoj, historietoj, esperantaj dokumentoj kaj poezioj, ĉio bone elektita ; la tria, eltirebla el la libro, el vort-kolektoj kun traduko kaj gramatikaj klarigoj. Tre plaĉa, bele eldonita lernolibro.

Por germanlingvanoj, kiel duan lernolibron post « Das leichte Esperanto », S-roj Jung kaj Wingen aperigas : 12 *Abende Fortbildung* kaj la koncernan : *Schlüssel*. Ĉiu ĉapitro konsistas el konversacia ekzerco pri temo rilata al Esperanta historio aŭ movado, gramatikaj ripetoj kaj klarigoj, speciale pri la sufiksoj kaj la tabelvortoj, fine tradukekzercoj kaj hejmlaboraĵoj, kies tradukojn la ŝlosilo donas, precipe por memlernantoj. Aldone estas listo da proverboj kaj komune uzataj esprimoj. La tuto estas tre taŭga perfektigilo. Sed kial traduki : « Der Krug geht solange zum Brunnen, bis er bricht ». per « Iam falĉilo trafos sur ŝtonon » dum oni trovas en la Proverbaro : « Longe ĉerpas la kruĉo, ĝis ĝi fine rompiĝas » ?

*Esperanto Lehrgang* (Th. Kieseritzky kaj Fritz Linden) estas alfaro por Germanoj de dua eldono de sveda lernolibro destinita por mem- aŭ gruplernado. La bazaj tekstoj kun la suba vortpostvorta traduko intence ĉiam malpli kompleta, vice aperigas la gramatikajn regulojn. La tuta enhavo, ordo, preso, bona metodo celas faciligi la lernadon. Dua parto poste aperonta estos kompletiga legolibro.

Ankoraŭ por Germanoj la : *Esperanto Lehrbuch*, laŭ gramatika instrumetodo, kun 23 lecionoj, speciale verkita por laboristoj. Nenio aparte nova en tiu bona simpla instruilo kun taŭgaj ekzemploj kaj ekzercoj, kiun ornamas, por parolaj temoj, tri belaj tutpaĝaj lignogravuraĵoj. La sufiksoj « end, oz, iz, iv », estas vicigataj kun la aliaj.

Samtempe ni havas la unuan (1932) kaj la duan (1933), jam reverkitan, eldonojn de *Systematisk kurs i Esperanto* de Seppik — Malmgren por Svedoj ; kompilita laŭ estona kurso de Willem Vaher, ĝi uzas en 20 lecionoj rektan metodon per demandoj kaj respondoj pri ĉeestaj objektoj kaj personoj, prezentas elektitajn tekstojn, kiel la plurparta Sonĝo de Eric, anekdotojn kaj gramatikajn resumojn. Klara, bona, plaĉa libreto.

La *Malgranda lernolibro de la internacia lingvo Esperanto*, de D-ro A. A. Stamatiadis, kun gramatiko, ekzercaro kaj duobla vortaro havas ĉion utilan por elementa studo ĉe greklingvanoj.

*Provo de la unua legolibro en Esperanto*, venas el Japanujo kaj estas por infanaj lernejoj ; tial la 32 unupaĝaj lecionetoj

estas kelkvortaj por komenci, kun granda litertipo, poste kun ordigitaj frazoj laŭ akirotaj scioj kaj historietoj. Libreto bone aranĝita, cetere ĉie uzebla.

Ankaŭ tia, ĉar la japanlingvaj notoj estas akcesoraĵo, la bonega *Zamenhofa Legolibro*, dua eldono. La sola manko de la unua, preseraroj, estas korektita. La elekto de l'tekstoj: 1e tradukaĵoj, 2e originalaĵoj de Zamenhof, 3e prizamenhofaĵoj de diversaj aŭtoroj, estas lerta kaj certe liveras pri la lingvo kaj ĝia eltrovinto la plej bonan haveblan kompendion kaj la tuta eksteraĵa prezento de l'libro tre plaĉas.

Tute alia, tute novspeca, estas la *Facila Legolibro*, anstataŭ eltiraĵoj el nia literaturo ĝi konsistas el resumoj pri naŭ originale verkitaj romanoj; la diversaj kunlaborantoj rerakontis per simpla stilo, mallongaj frazoj, komuna vortaro la intrigon de l'historioj. Tio formas interesan prozaĵaron, kiu plie instigas al legado de l'plenaj verkoj. Du aldonaj ĉapitroj informas pri la avantaĝoj de Esperanto dum vojaĝoj kaj pri la riĉeco de nia literaturo. Certe estos « aprezata » tiu inventaĵo de K.C.R. Stűrmer.

Kvara eldono de *Lernolibro de Esperanta Stenografio*, laŭ sistemo Duployé, geometria sistemo precipe uzata en Francujo; la broŝuro de P. Flageul prezentas la elementan kurson de tiu alfaro.

---

La *Esperanta Teknika Medicina Vortaro*, verkita de D-ro Briquet estas unu el tiuj teknikaj vortaroj de longe esperataj. Unua provo aperis en Internacia Medicina Revuo, kaj pri la nuna ankaŭ la aŭtoro petas konsilojn de diverslingvaj scienculoj por plibonigi estontajn eldonojn. Sed la aperinta verko jam postulis grandan preparan laboron; sur 360 paĝoj ĝi listigas 3675 numeritajn radikojn, kaj la kunmetitaj kaj rilataj terminoj verŝajne duobligas la vortnombron. La radikojn akompanas konciza klarigo en Esperanto, kaj, kiam utila por precizigi la sencon, traduko latina aŭ en unu el la ĉefaj eŭropaj lingvoj. Oni rimarkas, kiom da sufiksoj kaj prefiksoj grek - aŭ latindevenaj estas necesaj por scienca lingvo, ke la aŭtoro preferas la literon ĥ al k. Por nefakulo mankas klarigoj, kiam nur latina traduko ĝin anstataŭas, kaj kiel detalo pri la preso, la majuskloj G kaj Ĝ tro similas al C kaj Ĉ. La verko rekomendas sin mem al multaj kiuj ĝin deziris, kaj ĉiu sciencema esperantisto konscios kiom gratulinda estas la grava utila laborado de l'verkinto.

Alia teknika vortaro estas la *Universala Terminologio de la Arkitekturo*, aperanta en Madrid sub la direkto de F. Azorin. Ni jam anoncis la aperon de l'unua kajero; la kvin novaj iras ĝis paĝo 96 kaj fino de litero j. Ni rememorigas ke preskaŭ ĉiun vorton klarigas desegno speciale farita kaj tre trafa; plie troviĝas: deveno de l'vorto, esperantlingva klarigo kaj traduko en ses lingvoj. Kiam plena, oni plezure kaj lerneme foliumos tiun instruan bildaron (preseraro eble, la konfuzo inter francaj vortoj are = aro, mezurunuo kaj aire = areo, surfaco.)

Lukse eldonita, poŝformata, tole bindita, maldika malgraŭ 500 paĝoj sur biblipapero, estas la *Moderna vortaro Esperanto — Japana* de Ishiguro. Post enkondukaj ĉapitroj, kun la deksesregula gramatiko, afiksaro, prononcreguloj, venas la vortaro mem por kies pretigo oni kompilis ĉiujn gravajn vortarojn. La oficialaj vortoj, aparte signitaj, plie sciencaj kaj ofte uzataj vortoj, propraj nomoj, kunmetitaĵoj enestas. Post ĉiu vorto sekvas ĝia prononco per japanaj fonetikaj literoj kaj ĝia traduko. Dua aldona vortaro estas la listo de nove uzitaj aŭ proponataj terminoj. Fine ni ankoraŭ trovas liston de mallongigoj, de pressignoj, gramatikan resumon, ĉefajn datojn, organizojn esperantajn sonojn de japanaj literoj, monunuoj, k.t.p. Unu el la plej bela, plej plena esperanto — nacia vortaro.

Grandformata, kun neta litertipo, sub kartona kovrilo, estas la *Norsk — Esperanto Ordbok*, de Ragnv. Rian. Detala, kun multaj kunmetitaj vortoj, diversaj sencoj, ekzemploj, propraj nomoj, tiu bela volumo konkuras kun la nacilingvaj — esperantaj vortaroj jam aperintaj por la ĉefaj lingvoj kaj kiuj estas ĉiam ampleksaj, pli malfacile verkataj kaj ankaŭ pli utilaj ol la kontraŭiraj.

Parenclingva, la *Esperanta-Svensk Ordbok* de Paul Nylen; ĝi ankaŭ estas belaspekta presaĵo, kun 230 paĝoj, po du kolonoj, en streĉa preso; ĝi ja liveras multon. La oficiala radikaro estas signita kaj kun la derivitaj, kunmetitaj vortoj, propraj nomoj, ekzemploj kaj esprimoj, ŝajnas vere, ke en ĝi nenio povas manki. Ankaŭ la aŭtoro, malnova pioniro, povis utiligi la plej lastajn tiaspecajn librojn.

Duobla estas la *Dictionar Esperanto — Român si Român — Esperanto* de S-roj P. Firu kaj M. Beraru. Ne vortareto, nek granda vortaro, ĝi sufiĉos por komuna laboro kaj por lernantoj. Multaj sciencaj teknikaj vortoj, samaj en ambaŭ lingvoj, ne aperas en la vortaroj mem, sed estas simple ordigitaj post ĉiu alfabeta titola litero. Gramatikaj klarigoj kompletigas la du partojn.

*Latva Esperanta Vortaro*, uzis saman sistemon apartigi internaciajn vortojn. Cetere tiu vortaro estas, sur 96 grandformataj paĝoj dukolonaj kun 8000 latvaj vortoj tradukitaj, kopiaĵo de maŝinskribita laboro, kredeble por ŝpari preskostojn. Sed la mimeografio estas zorge farita. La aŭtoro T Indra havis malfacilan taskon pro manko de aliaj komparotaj vortaroj por tia lingvo; li tamen enkondukis nenian novan radikon, kaj esperas ke poste, kun helpo de kunlaborantoj, la vortaro povos tipografie aperi.

---

La *Jarlibro de la Esperanto-Movado* por 1933 aperis sub arĝentkolora kovrilo, atentigo pri la 25 jara jubileo de Universala Esperanto-Asocio, solenita dum la ĵusa Kongreso en Kolonjo. La krizo kiu ja forte frapas niajn organizaĵojn ne malampleksigis ĝian enhavon; la ĉefa parto restas la laŭlanda, laŭloka adresaro de l'delegitoj kaj informoj pri asocioj, gazetoj k.t.p. La aranĝo restis la sama: ĝin ja perfektigis multjara sperto. Oni legu la rimarkindan kvindekpaĝan « Historia skizo de UEA, 1908-1933 », kun ĝiaj interesaj ĉapitroj, cititaj dokumentoj, kompletigitan per statistikaj tabeloj, kaj ankaŭ la represon de la raporto verkita en 1912 de H. Hodler: « Kiel nin organizi », kiun la nuna situacio reaktualigis kaj faris kvazaŭ profeta.

Du novaj libretoj permesas lerni ĉion, kio estas scienda pri nia movado. La unua: *Historio kaj organizo de la Esperanto-movado*, de akademiano Isbrücker, estas kompletigita traduko de nederlanda eldono; ĝi precipe servos al ekzamenotoj; pli nova, malpli ampleksa ol la libroj de Ladevèze kaj Mőbusz, ĝiaj mallongaj sed trafaj ĉapitroj, pedagogie, senpartie verkataj, liveras, kun la aldonaĵoj, en resuma formo, ĉion utilan.

Simila en sia unua parto estas la: *Gvidlibro tra la Esperanto Movado*, verkita de C.P. de Bruin por SAT. Sed al la faktoj pri ĝenerala movado, koncizigitaj en mallongaj ĉapitroj estas aldonata dua parto, rezervita por la laborista movado, ĝiaj organizaĵoj, ĵurnaloj, libroj, kongresoj, asocioj landaj kaj internaciaj, ĝiaj internaj diskutoj.

G. S.

# Diversaĵoj

## Japana Amiko de Esperanto: D-ro Nitobe †

En Kanada malsanulejo mortis la 15-an de Oktobro D-ro Inazo Nitobe, japana senatano kaj multjara vic-sekretario ĝenerala de la Ligo de Nacioj. Bone konata kaj amata inter la esperantistaro li estis pro lia konstanta intereso kaj simpatio al niaj klopodoj.

Samtempe li estis unu el la plej komprenemaj Japanoj de sia tempo kaj fidele, foje eĉ kuraĝe, laboris por klarigi la Orienton al Okcidentanoj kaj la Okcidenton al siaj samlandanoj.

Filo de aŭtentika « Samurai » familio de japanaj konservativuloj, li studis ekonomion kaj juron en Germanujo kaj en Usono, kie li edziĝis kun filino de bona kvakera familio en Philadelphia.

Profesoro de juro ĉe la Tokja Universitato kaj pliposte Rektoro de la plej fama japana lernejo, D-ro Nitobe verkis angle du rimarkindajn librojn por komprenigi la japanan psikologion kaj la japanajn tradiciojn eksterlande. La unua rakontas pri « Buŝido » kaj la dua pri « Japanaj ecoj kaj fremdaj influoj ».



Kiam D-ro Nitobe estis elektita por helpi Sir Eric Drummond al starigo de la Ligo de Nacioj unue en Londono kaj poste en Ĝenevo li tuj interesiĝis pri la mondlingva problemo, ekrilatis kun la britaj esperantistoj, kiuj vizitis lin, kaj venis al Bern, informiĝi pri nia movado ĉe la tiama Centra Oficejo de UEA, en 1920.

Baldaŭ li publikigis studon pri la « Problemo de lingvoj ĉe la Ligo de Nacioj » kaj ni poste kunlaboris por organizi la enketon, kiun ni proponis al la Ligo en 1921 kaj la raporton oficiale akceptitan en 1922 « Esperanto kiel helpa mondlingvo ».

Kiam kunvenis en Genève la internacia konferenco pri Esperanto en lernejoj en 1921, Gesinjoroj Nitobe invitis partoprenantojn al teo. Siavice UEA invitis lin al komuna vespermanĝo dum la Praha Kongreso kune kun la ministro D-ro Beneŝ kaj neniu el la ĉeestintoj forgesos la elkoran alparolon de tiu ĉarma viro:

*« Sidante hieraŭ ĉe la Kongreso mi demandis min, kio ĝi estas, kio kune tenas tiom da miloj da homoj en tiu kora amikeco, kiu vidiĝis tra la paroladoj kaj okazajoj de la kunveno? Lao-Tse, unu el la plej profundaj pensuloj de la mondo, mi povas eĉ diri, la plej mistika filosofo ĉina, vivinta antaŭ 2½ mil jaroj, diris en la komenco de la mallonga alparolo, kiun li postlasis al siaj sekvantoj, kelkajn vortojn, malfacile tradukeblajn en alian lingvon, sed eble tradukeblan en Esperanton. Mi komparis ĉirkaŭe sep anglajn tradukojn kaj neniu estas sama. En unu ni legas: « La vojo vojirebla ne estas la eterna vojo ». Alia diras: « La Dio difinebla ne estas la vera Dio ». Tria traduko uzis alian terminon kaj diris: « La povo mezurebla ne estas la eterna povo » kaj jen ankoraŭ alia: « La vorto eldirebla ne estas la vera vorto ». Nu, gesinjoroj, kiel mi diris al mi mem ĉe la kunveno hieraŭ, la Esperanto, kiun oni povas paroli, ne estas la vera Esperanto: ekzistas io pli, eble tio, kion aludis D-ro Privat per la esprimo « interna ideo ».*

*Mi estis multe instruata de S-ino Blaise, sidanta apud mi, kiu precize klarigis al mi tiun ĉi punkton, nome ke D-ro Zamenhof konsideris Esperanton kiel eksteran rimedon por disvastigi la ideon de tutmonda amo.*

*Tiu spirita ideo, la « interna ideo », jen kio instigas la Esperantanojn kuniĝi laŭ la vortoj de mia plej amata heroo Abraham Lincoln: « Bonvolo al ĉiuj kaj malbonintenco al neniu », por kunfratigi la diversajn rasojn kaj popolojn de la terglobo sen ia diferencigo pri koloro, pri nacieco aŭ historio. Ŝajnas al mi, gesinjoroj, ke ĝuste tion ni volas fari.*

*Lia Moŝto S-ro Beneŝ aludis je la grandaj suferoj de Eŭropo dum la milito. En Azio ni ne suferis multe. Japanio ja gajnis iom da mono. Sed spirite ni suferis kun vi. Morale ni staris ĉe la bordo de bankroto kun Eŭropo, ĉar nun, kiam Eŭropo suferas, Azio ne povas flankestari. La mondo estas tiel kunligita, ke tio, kiom unu gajnas, la alia perdas. Ni estas ĉiuj kunligitaj per la miloblaj ligiloj de interamikeco, de perdo kaj gajno, de sufero kaj doloro. Ni finfine fariĝis homoj anstataŭ esti nur naciuloj. Kvankam ni ne devas forgesi tion, kion ni ŝuldas al niaj nacioj, ni devas samtempe ĉiam rememori, ke ekzistas aferoj eĉ super ili. Mi ne estas kosmopolitano, mi libere konfesas, mi estas naciano. Mi opinias, ke lia moŝto estas ankaŭ, kaj eĉ bonega ekzemplo de vera naciano. Sed en la nuna tempo bona naciano devas esti internaciulo. La nomon kosmopolitano mi ne ŝatas. Afero povas esti kosmopolita, sed homo devas esti internaciano kun kiel eble plej nobla kompreno pri la homaro.*

*Mi sentas, ke ĝi estis por mi granda plezuro kaj granda instruo ĉeesti la kunsidojn ĉi tiujn tagojn kaj vidi, ne nur la eksteran rimedon por kunligi naciojn, sed la spiriton instigantan, ĉar estas ja l'animo, kiu movas la korpon. Kiam l'animo estas for, kiu mano povus revivigi kadavron kaj redoni vivon al la mortinto? Tial, antaŭ ĉio mi plej profunde ŝatas la spiriton, laŭ kiu la Esperanta movado iras antaŭen. »*

---

## Mia animo

Versaĵo de Georgo Deŝkin.

*Mi — kiel Klaŭn' en cirk' mizera,*
*Grimacas, saltas por moner'.*
*Aĥ, tuta vivo mia estas*
*Nebulo, trompo kaj malver'.*
*En klaŭna vesto hel-striita,*
*Kun vangoj, blankaj pro farun',*
*De sur balkono de la cirko*
*Mi vokas ĉiujn homojn nun.*
*Kaj venas are la gapuloj*
*Por tre malkara amuzet' —*
*Rigardi, kiel disvendadas*
*Genion sian la poet'...*

# Kroniko

## Anglujo

La CENTA Kvaronjara Konferenco de *Lancashire kaj Cheshire Esperanta Federacio* havis lokon en Preston Urbdomo, Sabaton la 14a de Oktobro. Profesoro Collinson, ĝia Prezidanto prezidis. Ĉeestis ĉirkaŭ 140 delegitoj kaj amikoj, de diversaj urboj. D-ro Derham, la Urbestro bonvenigis la anojn.

Ne estis simpla kunveno de federacianoj por pridiskuti aferojn. 1933 estas jaro da Jubileoj, la 25-a Universala Kongreso, la 25 datreveno kaj Jubilea jaro de UEA, ankaŭ nia Federacio festis ĝian naskiĝon antaŭ 25 jaroj. S-ino Blajse, kiu estis ĝia unua Prezidanto venis por paroli pri la fruaj tagoj, la luktoj, la suprengrimpoj kaj la kuriozaj okazintajoj. S-ro Blaise donis bonajn konsilojn pri propagando kaj flegis samtempe sian dorlotatan infanon - UEA - nun matura estajo : TUTSOLA INTERNACIA ORGANIZO. S-ro Goldsmith el BEA penis engluti ĉiujn ĉeestantojn en la novan organizajon. Kelkaj malnovaj amikoj el Mezlando, iamaj federacianoj, venis por jubilei.


S-ino Blaise

Ni festis nian jubileon en speciala maniero : Per eldono de konciza Historio de nia Federacio ; posttagmezo ni temanĝis kune. Dum la vespero la lokaj grupanoj regalis nin per koncerto kaj muzikaj skizoj, lerte aranĝitaj de F-ino Grafton, la Kurs-instruistino en la grupo. Dankojn ni ŝuldas al Ge-sroj Megahy kaj Brown por la afabla gastameco. J.D.A.

## Francujo

*St. Etienne.* — La urba konsilantaro de St. Etienne akceptis jenan deziresprimon :

« Konsiderante ke la plej urĝa tasko nuntempe estas la paciĝo de la spiritoj, la ĉesiĝo de la malamo celante la pliproksimiĝon de la popoloj.

Konsiderante ke por atingi ĉi tiun celon unu el la plej efika rimedo estas la alpreno de unu internacia helplingvo vera altvalora morala interligilo.

Konsiderante ke Esperanto dank'al ĝiaj propraj kvalitoj : fleksebleco, simpleco, logikeco, belsoneco plenumas ĉiujn kondiĉojn postuleblajn de internacia helplingvo ;

Konsiderante ke Esperanto pruvis sian eltaŭgecon tiurilate okaze de pli ol 40 kongresoj, ĉu ĝeneralaj, ĉu teknikaj ; ke la esperanta literaturo pli kaj pli riĉiĝas (pli ol 10.000 verkoj originale verkitaj aŭ tradukoj kaj centon da gazetoj) ; ke miloj kaj miloj da homoj ĝin uzas ĉiutage diverse : esploradoj, turismo, komerco, k.t.p.

Esprimas la jenan deziron :

Esperanto estu instruata en ĉiuj lernejoj de la tuta mondo.

La Franca republika registaro — kiu en 1905a akceptis Dr. Zamenhof en la ordeno de Honora Legio — iniciatu la enkondukon de Esperanta instruado en la lernejajn programojn, komencante en la lernejojn de la unuagrado (popollernejoj).

## Portugalo

*Barreiro.* — La grupo « Progresemaj Amikoj » daŭrigas viglan propagandon. La lasta esperanta-ekspozicio estis tute efika.

*Evora.* — Fondiĝis Esperantista Grupo « Pioniroj de la Estonto ».

*Funchal.* — S-ro Lourenço de Gouveia daŭrigas la propagandon. « Diario *da Madeira* kaj « O yornal » publikas konstante notojn pri la movado.

*Guimaraes.* — Malgraŭ la bonaj klopodoj de la loka Delegito la kurso finiĝis nur kun du lernantoj. Oni esperas ke la proksima pagos pli entuziasme la laboron de la instruisto.

*Lisboa.* — *Touring Club de Portugal.* Nia ĉefdelegito komencis instrui la kurson, kiu estas solene inaŭgurita de la Vicprezidanto de Touring, klera verkisto kaj poeto, akademiano D. Alberto Bramao.

*Komerca Lernejo de Ferreira Borges.* Duonoficiala kurso permesata de la Direktoro kun la apogo de la Registaro. Profesoro la malnova esperantisto S-ro Adolfo Nunes.

*Komerca Lernejo de Veiga Beirao.* En la samaj kondiĉoj duonoficialaj. Profesoro S-o Adolfo Nunes.

*Esperantista Societo « Antaŭen ».* Grava kaj konstanta laboro. La konata Esperantisto Luzo Bemaldo donacis al la biblioteko kelkajn dekduojn da volumoj. La kursoj, elementa kaj supera, funkcias normale.

*Ligo de l'Okcidentaj Esperantistoj.* De la 22a ĝis la 29a de la lasta monato okazis en Sociedade Dramatica Familiar INSTRUÇAO AJUDENSE interesa Esperantista Semajno kun valora ekspozicio. Mulverkoj pri literaturo, scienco, filatelo, turismo, k.t.p.

*Portugala Teritorio.* Konstante, konstante, aliĝas membroj al UEA, pligrandigante la ondon de tiu kiuj volas uzi la diversajn servojn de la granda Asocio.

*Grupo firamatico de Belem.* La respektiva Esperantista Sekcio vigle laboras. Funkcias kurso, sub la gvidado de Sam.° Losé da Luz. Ĝi informas pri Esperanto al la interesatoj de la kvartaloj - Belem, Ajuda, Alcolena kaj Algés.


La grupo en Moita do Ribatejo.

*Moita do Ribatejo.* — Vigla kaj entuziasma laboro. Metode la Delegito, S-ro Pereira de Azenha, sukcesis altiri al nia ideo la tutan lokan opinion. Oni estas konvinkitaj nun ke Esperanto estas nepre necesa kaj multaj el la kontraŭbabiluloj kaj kontraŭuloj ne nur kliniĝas al la helpa lingvo sed aliĝis al UEA.

---

# Cseh-kursoj

## Francujo

*Paris.* 50 Ĉe-kursanoj de T. Morariu estis skribe ekzamenataj per la testoj de la Eduka Instituto « J. J. Rousseau », Ĝenevo kaj buŝe per demandoj kaj respondoj pri « La homa korpo ». La lastan lecionon en Montmartre ĉeestis A. Esselin, L.K., kunredaktinto de la SAT-vortaro kaj G. Warnier, prez. de la Pariza Grupo, kiuj gratulis por la atingita rezulto kaj instigis la novulojn resti fidelaj al la verda standardo. Fine la plej juna kursanineto transdonis al la kursgvidinto rozburĝonojn kun esp. rubando kaj franca-rumana-sveda flagetoj kune kun memorajeto de la kursanoj en Montmartre kaj Sorbonne.

*Lyon.* El letero jus ricevita : La malfermo de la kurso de F-ino Lidja Zamenhof estis triumfo. Ĉeestis pli ol 500 personoj. En Lyon 500 estas efektive 500). Blovas favora vento - kaj precipe laboras agemuloj.

## Nederlando

De la 24-29a de Julio 1933 okazis en la Esperanto-Domo en Arnhemo, internacia perfektiga kurso. S-ro Inĝ. Isbrücker el Hago gvidis la kurson. Ĝin partoprenis Nederlandanoj, Germanoj, Angloj kaj Francoj.

F-ino Lidja Zamenhoj, kiu jus finis sukcesplenajn kursojn en Francujo, honorigis la kurson per sia ĉeesto kaj la kursanoj estis feliĉaj, ke ili povis konatiĝi kun ŝi.

S-ro Isbrücker dum la kurso rakontis pri la historio de Esperanto. Alvenis la 26a de Julio, kiu estas konsiderata kiel la naskiĝtago de Esperanto kaj matene en tiu tago la partoprenantoj de la kurso havis la simpatian ideon donaci al F-ino Zamenhof belan florkorbon. F-ino Zamenhof surprizita per kelkaj vortoj kore dankis. Delikate ŝi direktis la honoron al la Majstro.

Dum 2 vesperoj okazis prelegoj. S-ro Dick M. Pot paroladis pri siaj kursoj en Borneo kaj pri siaj spertoj dum vojaĝoj kaj montris lumbildojn. F-ino Zamenhof afable akceptis inviton. paroladi pri Dr. Zamenhof, ŝi tamen ne paroladis pri Dr. Zamenhof kiel aŭtoro de Esperanto, sed kiel infano pri la patro. Ŝi belege paroladis la vesperon de la 46a datreveno de la naskiĝo de Esperanto kaj kortuŝite la ĉeestantaro aŭskultis.

Denove finiĝis kurso dum kiu regis la kutima varma atmosfero de la Esperanto-Domo.

---

La 11-an de Sept. la loka esperanto-klubo en Veendam aranĝis propagandvesperon. La celo estis prepari Ĉe-metodan kurson. La klubprezidanto, S-ro Korte, bonvenigis grandan nombron da ĉeestantoj kaj atentigis ilin pri la graveco de Esperanto. S-ro Kummer el Leeuwarden parolis konvinke pri « kio estas Esperanto kaj kion volas la esperantistoj ». Fraŭlino Margarete Saxl rajtigita Ĉe-instruistino, komencis sian provlecionon. La tuta salono respondis ĥore kun entuziasmo. La sukceso ne plu estis duba por la klubestraro. Sin anoncis por la kurso 46 personoj.

En Groningen (Nederlando) F-ino Margarete Saxl, instruistino de la Cseh Instituto gvidas kurson por komencantoj kaj specialan kurson por geinstruistoj.

La Groningena Esperanto Klubo, kiu iniciatis la kursojn faris bonegan elekton.

F-ino Saxl tute praviĝas la laŭdojn pri ŝia instrua kapableco. La publika provleciono fariĝis sukceso ; ĝin vizitis 250 personoj el kiuj jam pli ol 50 partoprenas la kurson kaj jam faras konversacion pri la grava vorto « amas ».

## Svedujo

*Kumla.* 19.9.33. Parolado de Morariu : « Per esp. tra Eŭropo » vigle interpretata de S-ro Strõm. Poste okazis provleciono. La kurson por komencantoj partoprenas ĉ. 40 personoj.

*Hallsberg.* 20.9.33 Paroladon de Morariu lerte interpretis S-ro Elander. La kurson partoprenas ĉ. 50 komencantoj.

*Õrebro.* 21.9.33 Publika provleciono de Morariu en paroladejo « Svea » kunhelpinto S-ro F. Jansson. Kurso por 35 novuloj. Pliaj kursoj en preparo.

23.9.33 Provleciono de Morariu en la Praktika Komerca kaj Lingva Lernejo. Post la leciono rektoro Berquist gratulis la instruiston kaj rekomendis al siaj lernantoj viziti la kurson de S-ro M.



Tour de l'Ile
Sidejo de UEA

## Universala Esperanto-Asocio

**Centra Oficejo : 1, Tour de l'Ile, Genève**

## Oficiala Informilo

**N-ro 32**

**Administra jaro 1933 : Oktobro.**

**Bankkonto:**

**Société de Banque Suisse**

(Schweizerischer Bankverein), Genève.
*Svisa Poŝtĉeko:* Genève I. 2310.

*Danko.* — Je la fino de Oktobro 1933 pasis dek jarojn ke eniris la Centran Oficejon de UEA, F-ino Joséphine Damon-Pichat, komence kiel korespondantino kaj depost 1929 kiel librotenistino-kasistino. Ni esprimas nian koran dankon al nia kunlaborantino pro la fidela servado dum tiu ĉi tempo.

*Jaro* 1934. — En antaŭa Informilo ni informis, pri Oficiala Bulteno kiu devis eliri dum Oktobro. Pro prokrasto en la alveno de materialo la dirita sendaĵo eliris nur dum Novembro inter la 11-13. Delegitoj kiuj ne ricevis ĝin, bonvolu nin informi pri tio. Pro rapideco ni presigis cirkuleron. Kun la cirkulero estas sendata prospekto en Esperanto de la ŝipkompanio Norddeutscher Lloyd, Bremen.

*Novaj Delegitoj.* — La alveno de Demandaroj pri novaj lokoj daŭras. Pro manko de tempo kaj de spaco la listo de la novaj lokoj aperos en la Decembra numero (Oficiala Informilo).

---

*Garantia Kapitalo.* — Akiris ateston al la Garantia Kapitalo kaj per tio ĉi Dumvivan Membrecon de UEA :

*Atesto: Dua Serio:*

| | | |
|---|---|---|
| Antaŭa sumo ........................ | Frk. Svis. | 16.800.— |
| 57. S-ro C. van Doorne, Rotterdam ....... .......... | | 300.— |
| | Frk. Svis. | 17.100.— |

---

*Speciala numero.* — Kiel kutime eliras ankaŭ dum tiu ĉi jaro, la speciala numero de *Esperanto*. Ĝi estas sendata al ĉiuj anoj de UEA pagintaj por 1933, al ĉiuj nepagintoj (anoj dum 1932) kaj plie al membroj de kelkaj Naciaj Societoj.

Ĝi informas pri la stato de la Asocio, pri la situacio kreita per la *Interkonsento de Kolonjo*, klarigante la novan procedadon k.t.p.

Ĝi enhavas la kutiman liston de la premioj, tre riĉa kaj varia en tiu ĉi jaro. Plie estas informoj pri la 26-a kongreso en Stokholmo.

La prepar-laboroj de la nova organizo supozeble iom prokrastigas la dissendon por kelkaj landoj. Sed estas esperinde, ke ĝis fino de Novembro 1933, la plimulto de landoj estos ricevinta ĝin.

Genève, 15 Oktobro 1933. Hans JAKOB, *Direktoro de UEA.*

---

## La Lyon'a Foiro

eldonas novajn presaĵojn en Esperanto.

Fidela uzanto de nia lingvo, la Lyon'a Foiro, preparante la propagandon por sia venonta kunveno (8-18. Marto 1934) jus eldonis novajn presaĵojn en esperanto, nome : afiŝojn 70 × 100 cm., sorbpaperojn, ilustritajn poŝtkartojn kaj sigelmarkojn. Post unu monato, la Lyon'a Foiro plie dissendos presitajn invitleterojn en esperanto, subskribitajn de S-ro Edouard Herriot, prezidanto de la Foiro. Fine, la katalogo de Ekspozantoj entenos, kiel kutime, esperantan tradukon de la ĉapitrotitoloj.

Kolekto de tiuj presaĵoj estos sendata al komercaj firmoj, delegitoj de UEA kaj esperantistaj societoj, kiuj petos ilin.

Skribu al : S-ro Richard LEVIN, Propaganda Fakestro, Foire de Lyon, rue Ménestrier, LYON.

## Turismo

PORTUGAL.

Touring Club de Portugal, Societo kiu, per dekreto N-6440 de la 3-a de Marto de 1920, estas konsiderata de puplika utileco, kaj reprezentas en la lando *Alliance Internationale de Tourisme*, jus kreis « *Esperantistan Sekcion* » kaj iĝis aliĝinta Entrepreno, al UEA, preta akompani, per ĉiuj siaj fortoj kaj entuziasmo, la esperantan movadon en la mondo.

La prezidanto de la Societo estas nomo internacia konata pro siaj viglaj klopodoj en Turismo. Grafo Penha Garcia ofte estas sendita de nia registaro kaj de la turismaj organizaĵoj por eksterlande defendi patriote la portugalajn rajtojn.

Flanke de la Direkcio de Touring, la vicprezidanto de la E.S. estas nobelulo, verkisto, ankaŭ poeto, konata en la portugala literaturo. Esperantflanke la alia vicprezidanto, kiu gvidos la vivon de la Sekcio, estas la ĉefdelegito de UEA., kiu certe profitos la novan rolon por ludi trafe rilate al nia Universala kaj al la ĝenerala movado.

Touring dissendis al ĉiuj provincaj gazetoj kaj al ĉiuj simpatiantoj de Esperanto la sekvantan cirkuleron portugale skribitan :

« Pro la videbla disvolviĝo de Esperanto kaj konstatitaj la multaj praktikaj pruvoj de la utileco de la lingvo en la internaciaj rilatoj kaj kiel ĝi pedagoge helpas la lernadon de la naciaj lingvoj, decidis la Direkcio de Touring Club de Portugal eniri en la esperantistan movadon, kreante Sekcion kiu gvidu la esperantan propagandon kaj samtempe profitu per tiu-ĉi por efika propagando de Portugalujo.

« En tiu-ĉi vojo, tuj estas funkcionta kurso de Esperanto en nia sidejo, instruata de unu el niaj plej konataj profesoroj kaj, ĉar estas multnombraj ankaŭ la membroj de Touring Club de Portugalujo, kiuj, en la Provinco, ĝin deziras lerni, la Societo tuj prezentas al la dispono de la interesatoj la novan Sekcion, por ĉiuj informoj kiuj interrilatiĝu kun la Esperanta kaj la turisma aferoj.

« Lingvo, kies prononcado estas nepre fonetika kaj la gramatiko tute facila, posedas la necesajn kaj sufiĉajn kondiĉojn por ke la Homaro ĝin uzu profite en la rilatoj internaciaj tagon post tago pli rapidaj.

« Ke la publiko komprenu la iniciativon de tiu-ĉi Societo, kiu ne ŝparas fortojn por utiliĝi al siaj membroj kaj al la progreso. Viaj

Je la nomo de la Esperantista Sekcio de Touring Club de Portugal
*Saldanha Carreira.*

---

## En kelkaj linioj



*** Pri Norvegujo faris sukcesajn lumbildparoladojn skoltestro John *Berggreen* el *Sandjeford* en Hungarujo. Post prezentadoj en grupoj de Budapest li parolis antaŭ kelkcent personoj en diversaj provincaj urboj, inter ili *Debrecen* kaj *Szeged*. Al lasta urbo oni vokis lin por fari Cseh-metodan kurson. Provincaj gazetoj skribis artikolojn. La bildoj estas kun Esperanto-tekstoj.

*** Internacia Hejmo Esperantista, Aspremont Francujo, Alpes Maritimes, kolektas informojn pri edziĝoj esperantistaj. Oni sendu informojn kun nomoj, datoj, interkonatiĝo, lingvo, k.t.p. al supra adreso.

*** En 200 tramoj de Budapest la Hungarlanda Esperanto Asocio elmetigis afiŝeton pri kursoj. La unua kurso komenciĝis por plenaĝuloj el ĉambrego de Komerca Akademio.

*** Al la listo de varnomoj en Esperanto oni povas aldoni la vorton « Resangon » organika ferpreparaĵo kontraŭ anemio, el la farmacio de D-ro Maeder en Sankt Gallen. (Loewen-Apotheke)

*** Pola Agentejo Telegrafa (PAT), la gazetara agentejo, publikigas en sia ĉiutaga bulteno interesajn novaĵojn, ricevatajn per Esperanto, aŭ tiujn ĉi el Esperanta mondo. La bulteno de PAT estas dissendata al ĉiuj gazetoj kaj revuoj en Polujo. La sciigoj, kiuj aperas en la bultenoj, estas represataj de tutlanda gazetaro.

Estas grave, ke oni alsendu konstante legindan materialon (pri literaturo, scienca, socia, komerco vivo, pri interesaj eldonaĵoj, prelegoj ktp. al S-ro Antoni Pisarski, Polska Agencja Telegraficzna-Pola Agentejo Telegrafa, *Warszawa*, str. Krolewska 5, aŭ al S-anino Halina Weinstein, Vic-Delegitino de UEA, *Warszawa*, str. Leszno 99-5, kiu estas en ĉiama kontakto kun la menciita agentejo kaj servas kiel tradukantino.

*** Konata propagandisto *Czitrom* pretigis lumbildserion el Esperantista vivo, kiun li prezentis unue en Budapest en grupo de HES kaj en skolta esperantista rondo. Li vojaĝis al Svedujo por instrui kaj prezenti la novan lumbildserion.

# STOKHOLMO, LA BELA....

**La "Reĝino de Melaren" salutas bonvenon al la XXVI-a.**

Stokholmo, la urbo de la venontjara Universala Kongreso de Esperanto, certe ne seniluziigos la vizitanton. Ĝi eble ne donas tiom multe da sensaciaĵoj, kiom havas por la vizitanto ekzemple Parizo, Londono k.a. Sed kio ĝi nehavas tiurilate, ĝi alimaniere havas. Pri Stokholmo, kun ĝia multmejla arĥipelago, oni ricevas impreson de loko favorata de la altaj potencoj.

La eksterordinara situacio kiun, kun genie strategia antaŭvido, en la mezepoko donis la fondinto de la estonta ĉefurbo de Svedujo, kreis la karakteron de la urbo kaj iĝis unu el la plej belaj kaj ravaj ĉefurbo de l'mondo.

La plej malnova Stokholmo, konstruita en mezepoka stilo kun mallarĝaj kurbiĝantaj stratetoj, stariĝis sur la insuloj en muĝanta «La Rivero» inter la granda lago Melaren kaj Balta Maro. Tiel Stokholmo ricevis la eksterordinaran situacion, kiu donis al la urbo ĝian specialan ĉarmon, kreis vivon en la urba bildo, kiu ĉie estas enkadrigita de la freŝe muĝanta aŭ trankvila fluanta akvo.



La Reĝa Kastelo.

En la lasta parto de la 17-a jarcento, post la brulo de la mezepoka, dum la renesanco novkonstruita Reĝa kastelo, la sveda ĉefurbo ŝanĝis karakteron. De la gotika stilo, kiu ĝis tiam donis sian karakteron al la plej malnova kastelo, oni sin nun turnas al la renesanco kaj la baroko, kaj Stokholmo ricevas ĉeftrajte tiun karakteron, kiun la urbo poste konservis, malgraŭ forta impreso de plejmoderna arkitekturo.

La urbo inter la pontoj, la malnova urbo, unu el la plej grandaj vidindaĵoj de Stokholmo, tiu tago kiu hodiaŭ estas, ekzistas ankoraŭ tia same, kun siaj malvastaj kurbaj stratetoj kaj la malnovaj domoj ornamitaj per frontonoj kaj portaloj, kia ĝi estis kiam tie loĝis la plej potencaj kaj eminentaj el la tiama aristokratio kaj burĝaro, sin amasiĝantaj ĉirkaŭ la mezepoka reĝa kastelo. Ĉi tie nun majestas Kungliga Slottet (reĝa kastelo) de Tessin, pompa kaj larĝa. Kaj ekstere, en la malnova centro de la urbo, sur bordoj kaj kajoj, moderna vivo pulsas, kiu laŭ la evoluo de la urbo disvastiĝas en novajn vastajn kvartalojn en nordo kaj sudo, en oriento kaj okcidento, ĝis la multaj belaj kaj allogaj antaŭurboj kaj somerloĝejoj.

Stokholmo rapide evoluiĝis al grandurbo kun duona miliono da enloĝantoj krom tiuj de la antaŭurboj. La vivo estas same tipa kia oni konas ĝin laŭ la modernaj urboj. Lukse belaj parkoj : Humlegarden, Kungsträdgarden, sed unue kaj laste Djurgarden — dekomence ĉasparko, nun belega parko kun ravaj promenadejoj, kiu sin etendas en pentrinda tereno arbara, kun privatloĝejoj kaj bonaj restoracioj — kreas variecon en la urba bildo, samtempe havigante aeron kaj freŝecon al la loĝantoj de la ĉefurbo.

Eble Stokholmo estas, en pli granda grado ol iu alia ĉefurbo de komparebla grandeco, la somera metropolo *par excellence:* ĝia situacio kiel freŝa kaj marĉirkaŭata urbo, la bonegaj trafikrimedoj, kiuj en alta grado plifaciligas la interrilaton inter la diversaj urbpartoj, kaj la bonega freŝa, milda aero — ĉio tio kune kreas preskaŭ idealajn kondiĉojn por somera vizito ĉe « Mälarens Drottning » (Reĝino de Melaren). Stokholmo al akceptema sento certe faras impreson esti vere ĝoja urbo, plena de pulsanta vivo kaj varia beleco.

Se oni volas krei al si entutan impreson de Stokholmo kaj ĝia eksterordinara situacio, oni devas suriri unu el la altaĵoj, de kie la urbo estas videbla laŭ birda perspektivo — plej volonte en la vespero, kiam milo kaj ree milo da lumpunktoj ekflamas super tero kaj akvo kaj brilegas kiel steloj... Stokholmo vidata el de Urba Turo aŭ de Mosebacke Terass, tie sur « Söder » (suda parto de la urbo), estas nepriskribebla travivaĵo.

Necesas tro multe da spacloko por priskribo de ĉiuj vidindaĵoj de Stokholmo — ili estas multaj, kaj ĉiu el ili indas apartan priskribon. Tie la Reĝa kastelo, Nobelara domo kaj Preĝejo de Riddarholmen (La Pantheon de Svedujo, kie eterndormas kelkaj el la plej famaj reĝoj de Svedujo)... Tie la nova pompa Urbdomo kun sia tre bela situacio ĉe Melaren, la moderna Koncerta domo, Magistrata domo, la pompa Stadion, Nacia muzeo kun riĉaj kolektoj, Norda muzeo, kiu donas imagon pri la riĉa sveda kulturo kaj la historio, kaj fine Skansen samtempe mondfama subĉiela muzeo kaj tre ŝatata celo por libertempaj ekskursoj.

Kaj ĉirkaŭ la urbo je pli malpli longaj distancoj, multe da vidindaĵoj : malnovaj urboj, universitata urbo, reĝaj kasteloj someraj, kasteloj el fruaj jarcentoj kun riĉaj valoraĵoj el kultura vidpunkto... Kaj la Stokholma arĥipelago, ĝi estas unika ! Perŝipe oni horon post horo povas veturi, kaj ĉie insulo post insulo, akvo kaj tero, tero kaj akvo. Belaj somerloĝejoj, verdaj arbaroj kaj krutaj rokoj. Horon post horo ! Larĝaj akvoj, mallarĝaj golfetoj inter freŝa verdaĵo. Ĝuo por okulo kaj ripozo por animo ! Neeblas priskribo, ĉeesto necesas !

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

La svedoj fieras pro sia bela ĉefurbo kaj amas ĝin. Kaj nun ili volas montri al miloj da esperantistoj ĉiun belecon kiun ĝi havas. Ni ĝojas kaj en malpacienco ni atendas la grandan por ni momenton. Niaj brakoj estas malfermataj por elkora bonveno !

Bernhard Eriksson.






STOCKHOLM

Vidaĵo ĝenerala

„La Urbo inter la Pontoj"



Vidaĵo de l' arkipelago

Malsupre dekstre: Urba Domo

Maldekstre: Preĝejo de Riddarholmen





# Oni dankas

*** S-ro R. Richez, Genève, kore dankas S-ron Emile Borel, Del. en Lyon, kaj S-ron Giovanni Bonini, Del. en Venezia por havigo de libroj kaj fotografaĵoj.

*** F-ino Minuŝka Mantel el Vieno, nuntempe en Lwow, Polujo, kun ĝojo dankas al S-ro Emanuel Hay, D de UEA en Zolkiew kaj al ties ĉarma fratino S-ino Ida Wilder pro agrabligo de restado dum la Sobieski-solenaĵo.

*** S-ro Georges Avril, el Nice, dankas al F-ino Pauline Fraisse, delegitino de UEA en Avignon pro valoraj sciiĝoj, afabla akcepto kaj perfekta gvidado.

*** F-ino Dora Lendel en Potsdam kore dankas por afabla gvido al S-roj Meazzi kaj Costantini en Milano al S-ro Minnaia en Roma, al S-roj Stellaci kaj Campanile en Napoli.

*** Inĝ. Eskil Hakansson en Ulriksdal, Svedlando, elkore dankas al S-ro inĝ. M. D. Dupuis, D en Parizo, por lerta esploro de la franca teknika literaturo pri speciala afero.

*** S-ro E. Finkler, D de UEA en Herne, Westfalen, Germanujo kore dankas al S-ro J. B. B. Dufrenne, D de UEA en Hago por tre afabla gastamo dum restado en Amsterdam.

*** Ge-sroj E. Lee, el Crewe, Anglujo kore dankas al S-ino Gernsbacher kaj fratino en Kolonjo por afablaĵoj faritaj dum la XXV-a, plie al Ge-sroj Westmaas en Bergen-op-Zoom, Nederlando por ok-taga gastigado post la kongreso.

*** S-ro Eug. Rytenberg, VD de UEA en Warszawa dankas al ĉiuj samideanoj kiuj helpis lin dum lia lasta vojaĝo, precipe al S-roj Hans Jakob kaj Rehmann en Ĝenevo, Borel en Lyon, Bellion en Montreux, Huber, Weber kaj Haas en Luzern, S-ino kaj S-ro Wynistorf en Zürich, Ge-sroj Szasz en Budapest.

*** Familioj Sklenĉka kaj Ĉerny el Hradec Kralové plej sincere dankas al delegitoj kaj vicdelegitoj s-roj J. V. Dolinsky kaj v. Janega en Turciansky sv. Martin, s-ro Alex. Weisz en Banska Bystrica, S-roj G. Krivoŝ, Ĉ Spacal, G. Ŝtrba kaj ĉiuj ceteraj geamikoj en Tisovec por afabla kaj vere amika helpado dum neforgesebla ekskurso al meza Slovakio.

*** Samideano Jaroslav Baroch el Praha kore dankas al S-ro H. Kesik, Ĉefdelegito-Helpanto en Bratislava por tre malfacilaj informoj, kiujn li devis sekrete sciiĝi.

# Oni proponas !

Sub tiu ĉi rubriko ni publikigas proponojn, ĉefe pri praktika agado. La nuna propono pri lokaj adresaroj, jam ofte farita, meritas esti ripetata kaj... sekvata ! (Red.)

Supozeble en multaj urboj, oni eldonas adresarojn kun indikoj pri ĉio sciinda. Ĝis nun tamen mi neniam trovis en tia adresaro la adreson de UEA-delegito. Mi informiĝis ĉe la redakcio de la loka adresaro en mia urbo (Baarn, Nederlando) kaj tiu sciigis al mi, ke ĝi volonte akceptos mallongan sciigon. Antaŭ kelkaj tagoj aperis la adresaro kaj en ĝi oni nun povas trovi la jenajn indikojn, kiujn oni tute senpage enpresis :

1. Sub la rubriko « societoj k.t.p. » mi anoncis : « Universala Esperanto-Asocio ; neŭtrala mond-unuiĝo por esperantistoj, reprezentata en 74 landoj (Sekvas la adresoj de la lokaj delegito kaj vicdelegito). Ĉi tiuj sinjoroj informas pri Esperanto ».

2. Sub la aboca listo de adresoj k.t.p. mi anoncis la samon sub : (Universala Esperanto-Asocio)... ; sub E(speranto-Asocio Universala)... ; kaj sub la nomoj de la delegitoj mem.

Sur kvin diversaj lokoj oni do enpresis anoncon pri Esperanto tute senpage. Kompreneble oni devas ĉiuloke aldoni : « *informas pri Esperanto* ».

Eble en aliaj adresaroj oni povos fari sammaniere.

Joh. Hartog.

# Oni korektas

Jus eliris el la presejo en Rumanujo la sesa kajero de la Oficiala Bulteno de la Esperantista Akademio. Sur la tria paĝo de la kovrilo staras listo de la nomoj kaj adresoj de la akademianoj. Kontraŭ mia nomo staras, *ne mia adreso*, sed la adreso de S-ro T.G. Bailey, membro de la Lingva Komitato.

Mi petas noti, ke mia adreso estas ankoraŭ la sama, kiu troviĝas en nunjara Jarlibro de la Esperanto-Movado. William Bailey, Akademiano, Maradomo, Glan-y-mor-Road, Penrhym Bay, Caernarvonshire.



# Esperantista vivo

## Naskiĝoj

*** Al Ge-sroj Morariu filineto, kion ili anoncis jene : Kun gepatra feliĉego ni anoncas al vi la alvenon de kandidatino de Helpmembro de UEA. La etulino jam en la unua momento krietadis : uu -ee- aa. — Viaj gajaj, Gemorariuj.

*** Radoslav K. Triĉkov, peranto de UEA en Vratza (Bulgario), ulica « Knjaĵevska » -63, kaj la edzino, ĝoje sciigas la tutmondan gesamideanaron, ke la 11-an de julio 1933 ili pliiĝis la esperantistan popolon per sia dua 5 kilograma sana kaj forta filino, nomata LILI.

*** Ge-sroj Leo Calloens, Aalst, Belg., kvara infano, Johano, baptita 4. Oktobro 1933.

# Niaj mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro Adam Butny, Ano n-ro 40123 en Wies Zielona (Varsovio) Polujo, 3. Majo 1933.

S-ro Vaclav Broz, MA de UEA, Kladno, Ĉ.S.R., grandkomercisto, konsilanto de l'komerca Ĉambro en Praha, ano de multaj humanecaj societoj, 25 sept. 1933.

S-ro Rudolf Fleischhauer, Ano de UEA 22535 en Gotha, Germanujo, 6 Sept. 1933.

S-ino Catharina Wilhelmina Siemons, Anino de UEA 37993 en Amsterdam, 25. Julio 1933.

S-ino Smaragda Nojarova, modesta, sindona kaj oferema samideanino mortis la 19-an de septembro. Kun nevenkebla energio ŝi laboris por Esperanto kaj akcelis la ceterajn al pli vigla agado. Herede ŝi testamentis 100.000 levojn por Esperanta domo de la bulgaraj esperantistoj. Dormu en paco, ne forgesinda samideanino.

S-ro Juan Serra Ferrando, D de UEA, ano n-ro 967. 16 Sept. 1933 en Liria, (Hispan. Valencia).

S-ro Georgi Aktarĝiev, mortis la 30-an de Julio en Sofia. Prezidanto de la Bulgara Esperantista Asocio kaj unu el la malnovaj esperantistoj. Naskita en Tirnovo la 18-an de oktobro 1868, studis en Bulgarujo, en Hungarujo kaj en Vieno. Kun Esperanto li konatiĝis en la unuaj jaroj de la movado. La ideo altiris lin kaj li dediĉis grandan parton de sia tempo al disvastigo de la internacia lingvo. Li partoprenis jam en la unuaj provoj por organizo de la enlanda movado, gvidis kursojn, redaktis dum kelka tempo la gazeton « Rondiranto ». Estis prezidanto de la loka Sofia Esp. societo en 1909 j. De 1910 ĝis 1912 li estis prezidanto de la landa Bulgara Esperantista Ligo ; de 1920 ĝis 1927 kaj de 1930 ĝis nun — prezidanto de la Bulgara Esp. Asocio.

Georgi Aktarĝiev estis bone konata al la bulgara socio. Dum multaj jaroj li okupis altajn ŝtatoficojn. En la lastaj jaroj li okupis sin pri jurnalistiko, estis korespondanto de la germana « Wolffbureau » por Bulgarujo, partoprenis aktive en multaj sociaj kaj kulturaj iniciativoj.

Lia morto estas grava perdo por la movado. Certe ĉiuj, kiuj vidis lian blankan imponan barbon en la kongresoj neniam forgesos tiun energiplenan, optimismon radiantan figuron.

S-ro Antonin Ŝincl, direktoro de burĝa lernejo urba konsilanto en Olomouc, Ĉeĥoslovakio, 15 Aŭg. Ano de UEA...

S-ro Georgo Neuzil, 14 jara, 20. Aŭg. 1933 en Olomouc. Filo de lernejestro Albin Neuzil, nia bone konata pedagogo.

S-ro Albert Roussel, MA 31485 en Fluy, Dep. Somme, Francujo. (Laŭ reveno de « Esperanto », Oktobro 1933).

# Parolado pri Armenio

Dum la Svisa Esperanto-tago, Pentekosto 1933, la simpatia armenino, f-ino Anahide Nercessian, faris belan paroladon en Esperanto. Oni proponis al ŝi, fari dum aŭtuno publikan paroladon pri sia popolo kaj ĝia kulturo. La Esperantistaj grupoj de St. Gallen, Zürich kaj Bern invitis ŝin. La 30-an de Septembro f-ino Nercessian parolis en St. Gallen (tradukis S-roj Kürsteiner kaj D-ro Maeder), la 2-an de Oktobro en Zürich. En Bern la 3-an de Oktobro 1933. En klara kaj facila maniero ŝi skizis la estiĝon, historion, folkloron, poezion de Armenio, la lando de rozoj kaj najtingaloj. Oni aŭdis belajn armenajn poemojn kaj vidis belegajn lumbildojn (60) pri Armenio, lando iam sendependa, hodiaŭ dispartigita inter tri regnoj.

En St. Gallen la prelego okazis sub la protekto de la Orientsvisa Societo por Geografio kaj Komerco. En Zürich inter la Esperantistoj. La gazetoj tre favore kaj entuziasme raportis pri la okazintaĵo.

# Bibliografia Servo de UEA

## Donacoj

La Biblioteko de UEA ricevis jenajn donacojn :

De S-ro Zaloach Adin Kemal, en Bern :

SCHMIDT, JOHANN : Lehrbuch der Weltsprache Volapük für Deutschland und die deutschsprachigen Länder. Verfasst von........ Weisskirchen am Taunus. · Herausgegeben von Dr. Arie de Jong, Verwalter des Volapükfunds, Voorburg. — Druck von Brönner's Druckerei, Frankfurt am Main. 1933, 23 × 15 cm. 24 paĝ.

De S-ro Jamin en Bruselo, malnova ano de l'internacia lingvo, keston kun cento da kilogramoj de esp. kaj aliaj libroj pri Internacia Lingvo. Post esploro ni raportos pri tio. Ni speciale ĝojas esti trovinta inter tiuj objektoj, la unuan jarkolekton de ESPERANTO 1904, iu mankis al ni.

## Peto

W. Bel, De eerste proefbewijzen voor de uitvoerbaarheid tot daarstelling eener enkelde spraak als universele wereldtaal. Toegepast op het spraakdialect der Nederlanders. Amsterdam, 1869. Stojan, BIL 1025.

Kiu, posedante ĉi supran libreton, bonvolas pruntedoni ĝin por kelka tempo al mi, deziranta pristudi ĝin ? Se dezirate, mi povas sendi garantiajon. Adr. Joh. Hartog, Vicdel. UEA, Dalweg 4, Baarn, Nederlando.

## Novaj libroj 1933

*Gravaj aperaĵoj*

*Dante Alighieri: Komedio. Unua parto: Infero.* Laŭ la originala itala teksto kaj formo, en rimaj versoj tradukis kaj per specialaj klarigoj komentariis Kolomano Kalocsay. Eldonis Literatura Mondo kaj Asocio de Esperantistaj Libro-Amikoj Budapest. Sur senligna papero, dukolora kovril-paĝo, kun 15 originalaj ilustraĵoj de Dezső Fay kune 320 paĝoj. Formato 23.5 × 15.5. Prezo broŝurita sv. fr. 8.80, bindita sv. fr. 11.— plus 10 % por sendkostoj. Anoj de AELA ricevas la libron por 40 % de la vendoprezo.

*Paul Nylén, Esperanto-Sveda Vortaro.* Eldona Societo Esperanto, Stockholm, Svedujo. 232 paĝ. — Prezo : broŝ. kr. 3,75, bind. 5.—.

La floriĝo de la esperantomovado en Svedujo havis i.a. la sekvon, ke la esperanto-sveda vortaro de G. H. Backman, la mortinta esperantopioniro sveda, elĉerpiĝis. La gravan taskon de ellaboro de nova vortaro ricevis la Lingva komitatano kaj akademiano Paul Nylén. Inter la svedaj esperantistoj li estas la plej granda aŭtoritatulo. Depost la jaro 1892 li partoprenis la esperantolaboron, kaj estis jam en la jaro 1896 kunredaktoro de Lingvo Internacia, tiam eldonita en Upsala, Svedujo. Por la esperantistaro sveda lia nun eldonata verko havas tre grandan valoron, ĉar li majstras egale bone la svedan kaj la esperantan lingvojn. Ne nur la nun vivantaj esperantistoj svedaj, sed ankaŭ venontaj generacioj ĝuos la fruktojn de la multjaraj studoj kaj laboroj de S-ro Nylén.

La oficialaj vortoj estas signitaj per steleto, Sub la radikvortoj, speciale la plej gravaj, sekvas la plej ordinaraj derivaĵoj kaj kunmetitaĵoj klarigitaj per multaj bonegaj ekzemplej.

(Recenzoj aperos en venontaj numeroj).

## Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Mallongigoj:* L-letero ; PK-poŝtkarto ; PI-poŝtkarto ilustr. ; bfl.-poŝtmarko sur bildflanko ; Gaz.-gazeto ; k.ĉ.l.-kun ĉiuj landoj ; C.r-certe respondos.

*Albert Park S.C.6* (Aŭstralio, Vic.). — S-ro Wm. Talbot Cowley, 85 Victoria Ave., L., PK., k.ĉ.l.

*Barreiro* (Portugal). — Manuel Valente. Rua Miguel Bombarda 143-145. C.r. Ĉ.l.

*Barreiro* (Portugal). — Joao Manuel dos Santos. 17 jara studento. Strato José Relvas 72, k.ĉ.l., C.r.

*Barreiro* (Portugal). — S-ino Augusta Gomes Prates — pro kon — vinkiĝaj celoj deziras interŝanĝi jurnalojn k. revuojn pri teksajoj, brodajoj k. inaj artoj. Nepre respondas.

*Barcelona.* — S-ro Ricard Ribas, str. Ronda Sant Antoni 78-3-er-1-a, PK., PI., k.ĉ.l.

*Brugg* Svislando. — S-ro Cäsar Rauber, D de UEA, Fröhlichstr. 845, serĉas fervojistojn kiuj interŝanĝus fervoj-biletojn. PI., L., PM., C.r.

*Catarroja* (Hispan.). — S-ro José Peris Peris, Str. Progreso, 16, L. PI., k.ĉ.l., C.r.

*Elmira N.Y.* (USA). — S-ro E. B. Billings, jr., 351 N. Main Street, L., PI., naciaj flagetoj, prefere el ekster-eŭropaj landoj.

*Hammerfest* (Norvegio). — S-ro O.T. Nicolaisen, Skomaker Mansika, por perfektiĝantoj de kurso L., PI., pri ĉiaj temoj k.ĉ.l.

*Kameoka* (Japan., Kioto-hu). — S-ro Hidejoŝi Jamakaŭa, Tenonkjo, PI., Japana, bele ilustrita ilustritan Esperantan gazeton.

*Las Palmas* (Gran Canaria). — S-ro Juan Sánchez de la Coba, komercisto, Strato Triana 90, PM. k.ĉ.l., prefere el Azio kaj Oceanio, laŭ Ivert 1934. Rekompence sendos hispanajn aŭ el aliaj landoj laŭvole. Ankaŭ mi sendos PI. el mia lando. Ne sendos unue. C r.

*Leningrad.* — S-ro Nikolao Burkov, Dmitrovskij per. 15, kv. 3, por Esp. Rondeto Artista en Akademia Teatro, L., k.ĉ.l.

*Lisboa* (Portugal). — S-ro Lourenĉo Gonçalves kaj S-ro Mario Neto — Imprensa Nacional de Lisboa — L.P.M. k.ĉ.l. C.r.

*Louny* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Jozka Škorpil, ĉe firmo Fr. David, juna literaturisto L., PK., kun f-inoj kaj sam-anoj ĉ.l. ĉefe el nordaj landoj ĉar vizitos la 26-an kongreson.

*Louny* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Jan Skalicky, ĉe firmo Fr. David, L., PK., kun f-inoj kaj sam-anoj en Anglujo, Usono, Svedujo.

*Lwow* (Polujo). — F-ino Minuŝka Mantel petas ke oni atentu ŝian adreson : Ulica Janowska 109.

*Madrid.* — S-ro Manuel Garcia Valencia, Nueva del Este 5-lo A, PM., k.ĉ.l.

*Moskvo.* — S-ro Samojlenko, Bolŝoj Karetni per. 22, kv. 4. PM.

*Nagykőrös* (Hungar.). — S-ro Bekő Gyula, banktisztviselő, PM., k.ĉ.l. laŭ Yvert aŭ Michel. C. r. Anonco valoras por unu jaro.

*Nymburk* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Stanislav Zdarek, studento, ulice krále Václava c. 1048. PM., k.ĉ.l.

*Paris* (8). — S-ro Jan Oulmann, 40 rue de Moscou. L., PK., PI., bfl., C.r., k.ĉ.l.

*Paso de los Toros* (Urugvajo). — F-ino Anita de Oliveira. PI., L.

*Paso de los Toros* (Urugvajo). — F-ino Chela de Oliveira. PI., L., k.ĉ.l., C.r.

*Potŝtejn* (Ĉeĥoslov.) — Inĝ. L. Berger, kolektas adresojn por sia BES - Adresaro de Esperantistoj el ĉiuj landoj

*Praha* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Harry Khel, oficisto, Korunni 2076. PM., PI., Gaz., k.ĉ.l., C.r.

*San Carlos* (Urugvajo). — F-ino Maria Rufa Castro, Misiones esq. Rocha, PI., L.

*Uherské Hradiště* (Ĉeĥoslov.). — F-ino R. Vilémova, D de UEA, L., PI., bfl., k.ĉ.l. precipe kun ekster-eŭropanoj. C.r.

*Zwittau* (Ĉeĥoslov.). — Verd'stela Frataro dez. bonajn rilatojn kun eksterlando. Bv. sendi L., PI., bfl. Gaz. PM., E-ajojn per adr. S-ro K. Karger, 47., Margareten, Zwittau.

## Petoj kaj Proponoj

*INTERNACIA KOMERCO*

*Adresaro.* — Ĉiu esperantisto publikigu sian adreson en nova jam 11-a eldono de BEA adresaro de esperantistoj el ĉiuj landoj. — Citu ankaŭ viajn emojn kaj dezirojn. Publikigo de l'adreso kun adresaro nur 1 Frk. sv. Publikigo de portreto 0.50 Frk. Aliĝojn ĝis 15. Decembro 1933 akceptas la eldonanto : BEA, Bohema Esperanto-Servo, Potŝtejn, Ĉeĥoslovakio.

*Konkurso.* — Por plena kolekto bonvolu ĉiu partopreninto sendi el la fotoj, faritaj dum la skolta mond-jamboreo en Gödöllő, pri scenoj esperantistaj, po du ekzemplerojn al Hungara Skolta Esperanto Rondo, Budapest, V., Nagy Sandor .u 6. Tiujn, kiuj plej sukcese montras la uzon de Esperanto inter skoltoj, ni premios per libroj. Sendu gazetnumerojn, kiuj enhavas ion pri la jamboreo por prezenti al Hungara Skolta Asocio.

*Liechtenstein poŝtmarkoj* estas la plej belaj en Eŭropo. Kolektantoj demandu nian interesegan kaj favoregan oferton. Herold-Compagnie, Schaan, Liechtenstein.

*Instruado.* — Germana instruisto 33 jara, senoficigiita pro liberpenso,. kun ekzamenoj en angla, franca lingvoj, parolante krome hispanan kaj Esperanton, komprenante itale, holande kaj latine, instruante pianon, violonon. orgenon, dum 15 monatoj direktoro de duagrada lernejo germana en Hispanujo, konante 13 eŭropajn ŝtatojn- *serĉas* — ian okupon en eksterlando, prefere kiel privatinstruisto, vojaĝakompananto aŭ oficisto en vojaĝoficejo aŭ ion similan. Trionon de la unua monata salajro kiel rekompenson al peronto. E. Finkler, Adalbertstrasse 7. *Herne i.* W. (Germanujo).

*Memortago.* — Okaze de la 450-a naskiĝtago de Martin Luther estu rekomendata la libreto de pastro em. Löwe. Radebeul-Dresden, Germanujo. Albertstr. 18., Vivo de D-ro Martin Luther, kun aldono La malgranda katekismo. Prezo 0.50 ĉe aŭtoro.

*Okupo en eksterlando.* — Por mia filo, 22-jaro, juristo kun kompleta universitata studo, doktoro, laborinta jam en asekura banko, bona figuro kaj sinteno, konoj de franca, angla kaj Esperanto, mi serĉas okupon en eksterlando, pro ekzistantaj leĝaj kondiĉoj. Bonvolajn konsilojn aŭ proponojn oni petas sendi al *D-ro Heinrich Orthal*, Delegito kaj Honora Membro de UEA, Fürtherstrasse 2, *Nürnberg*, Germanujo.

*Serio de Jamboree-Poŝtmarkoj* (5 pecoj) sur esperantlingva « Memorfolio » ankoraŭ kelkaj haveblaj, kontraŭ 5 respondkuponoj. (por registrita sendo alduno 2 resp. kup.). — Skolta Esperanto Rondo, Budapest, V., Nagy Sándor-u. 6.

IMPRIMERIE ALBERT GRANCHAMP, ANNEMASSE - 830-11-33